# esperanto

majo 1994
87-a jaro
n-ro 1059 (5)



Universala Esperanto-Asocio (en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

ISSN 0014-0635

## Aŭstralio plantas pacarbon

# Enhavo



## Vi trovos

ke la debato pri nia strategio ne finiĝis ("Forumo", p. 91-92): Roland Schnell diagnozas kvar malfortajn punktojn de la movado, kaj László Szilvási proponas transformojn por "dufronta laborado", kun disvastigo kiel prioritato. Sylla Chaves en Brazilo (p. 84) "laboras pri Esperanto por du celoj: por pli bona mondo kaj por pli praktika mondo", kaj opinias la finan venkon tute ebla. Li kredas je grandaj ŝanĝiĝoj, kiel falo "de la malbona flanko de kapitalismo". Fama kritikanto de ĉi-lasta estas ankaŭ papo Johano Paŭlo la 2-a, kies Esperantaj salutvortoj dum la ĉi-jara Pasko (p. 87) trovos eĥon ne nur ĉe katolikoj.

"Romo estas tie, kie estas la papo" — sentencas Zamenhof. En Romo sidejas ankaŭ la Radikala Partio, kiu lanĉis projekton — kun apogo de UEA — por rikolti fruktojn el la pasintjara Unesko-rezolucio. Pri tiu agadplano kaj pri alia, de UEA, diskutis aktivuloj en Parizo (p. 82).

*La kovrilo:* Tempe de la Adelajda UK en 1997, la ĵus plantita pacarbeto (vd. p. 85) jam pli dense frondos. De maldekstre: Carol Lutz, Vojtek Zbik, Miranda Lutz. (Fotis Kam Lee.)


## esperanto

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio

(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

### Estraro de UEA

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. (081) 542 0302; telefakso (081) 715 4010.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. (0221) 680 32 50.

**Ĝenerala Sekretario:** vakas.

**Estrarano** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. (613) 565 9282; telefakso (613) 565 9279.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. (020) 642 18 53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul — 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj telefakso (02) 646 5413.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. (06) 39 72 61 98; telefakso (06) 39 72 61 69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ro Stefan MacGill, Eső u. 7 III, HU-1034 Budapest, Hungario; telefon-mesaĝoj kaj telefaksoj per HEA, (1) 14 16 305.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Witte de Withlaan 11, NL-2341 SP Oegstgeest, Nederlando; tel. (071) 154143.

*Estrarkunsido:*

# Ŝpare kaj prepare

Same kiel pasintjare, ses el la sep estraranoj de UEA kunsidis en la dormoraba semajnfino de la horoŝanĝo, inter la 25-a kaj 27-a de marto. Ĉi-jare la neveninto estis la ĝenerala sekretario, Ian Jackson, kiu informis la Estraron pri sia intenco demisii. Liaj profesiaj devoj fariĝis pli pezaj ol ke li povus konscience plenumi siajn funkciojn en la Estraro. Li probable restos komisiito pri regularoj kaj povos pli intense okupiĝi pri terminologio. En la Seula UK la Komitato do devos elekti lian posteulon por la periodo ĝis la estraraj elektoj en Tampereo (1995). Ĝis Seulo la Centra Oficejo ŝarĝos sin per liaj taskoj, i.a. per la pretigo de tagordo kaj aliaj materialoj por la komitataj kunsidoj en Seulo.

La strategio de UEA estis granda debattemo en 1993. La Estraro klopodis resumi la komitatajn diskutojn de Valencio per la teksto "Analizo de celoj" (1993 sept., p. 149). Korespondaĵojn de estraranoj kaj aliaj aktivuloj pri strategio publikigis *La Kancerkliniko* en sia kromnumero[1]. Oni opiniis nun ke la debato, kiun necesigis la malkontento de multaj pri manko de klara UEA-strategio, bezonos plikonkretigon en Seulo. Tiucele cirkulero al la komitatanoj resumos la ĉefajn erojn de la diskuto.

Alia pasintjara debato, ĉe la Estraro kaj la Komitato, rilatis financon, specife laŭgradan forigon de la negativa saldo. Tio nun dece progresas: –43 500 gld. en 1993 estis jam preskaŭ 10 mil guldenojn pli bone ol en 1992, i.a. ĉar la altigo de la membrokotizo kompensis la falon de la membronombro kaj ĉar la oficistaro rezignis pri la inflacia ĝustigo de sia salajro en 1993. Fakte, la CO sukcesis redukti preskaŭ ĉiujn kostojn sub la buĝetitajn ciferojn. Principe estintus eble atingi nulan saldon jam en 1993, sed estis pli saĝe amortizi en unu fojo la malnovan komputilaron (44 500 gld.) ol strebi al tia librotena bravuraĵo. Por 1994 la buĝetita minuso de 38 100 gld. ŝajnas plenumebla, sed ĝi kondiĉas kreskon de la kotizaj enspezoj kaj libroservaj vendoj. Ĉi-lastajn devus 25%-e altigi la nova Librokatalogo. Ĉu tio sukcesos, de tio dependos la indeco plue eldoni tiajn katalogojn. La Komisiono pri Financo ellaboris novan manieron por informi la Komitaton pri la financa evoluo ĉe UEA.



*La naskiĝdomo de Zamenhof en 1912. Ĉu ĝi estos rekonstruita?*

Malgraŭ la buĝeta premo, la Estraro volas reagi al la daŭra malkresko de la membraro ne per signifa altigo de la kotizo, sed per pli vigla varbado. En tio pli aktive rolu ankaŭ la kotizperantoj, kiuj ja ricevas makleraĵon por ĉiu nova kotizo. Tio ke Tampereo en 1995 logos pli multajn kongresanojn supozeble spronos ankaŭ la membriĝemon ĉi-jare.

Tampereo ankoraŭ ne havas precizan vortumon de sia kongresa temo, sed tiu estos ligita al la 50-a datreveno de UN. Por 1997 oni principe akceptis kiel UK-scenejon la aŭstralian Adelajdon, dum por Prago en 1996 ankoraŭ necesos konfirmaj esploroj. La financa rezulto de Vieno (1992) nun estas definitiva: 12 000 gld., dum por Valencio (1993) la kontoj antaŭvideble saldiĝos kun profito eĉ dekoble pli granda. La Seulaj aliĝoj evoluis kiel buĝetite kaj nombras pli ol 1400 je redaktofino.

Iom pli ol kutime temis pri la instalaĵoj de la CO: post la modernigo de la komputila sistemo, en marto ankaŭ la telefonaro estis ŝanĝita. Por faciligi la akiron de aliaj bezonaĵoj, reviviĝis la Fondaĵo Oficeja Ilaro. Komputilan poŝton la CO jam povas uzi tra alia retabonanto, sed dezirindas ke ĝi mem ligiĝu al tia reto. Necesas ankaŭ ke ĉiuj estraranoj havu aliron al tiu plej rapida komunik-maniero; Wells kaj Fettes jam regule interkontaktiĝas per ĝi.

Regis zorgemo rilate la sorton de pluraj E-centroj (pri Poprad vd. jan., p. 18, kaj pri La Chaux-de-Fonds apr., p. 67): kvankam oni juĝis ke iliaj problemoj originas en planoj neproporciaj al la movadaj ebloj, la Estraro esperas ke e-istoj savos siajn centrojn per pli ofta vizito al ili. En Bjalistoko Fondumo Zamenhof ŝajne baldaŭ ricevos oficejon, kaj la urbaj aŭtoritatoj konsideras proponon de Louis C. Zaleski-Zamenhof rekonstrui la naskiĝdomon de Zamenhof en kvartalo ĝenerale renovigota.

Oni bedaŭris ke en pluraj landoj ekzistas streĉiteco inter la junulara kaj la ĝenerala movadoj; la estraranoj de UEA kaj TEJO, kiuj inter si bone kunlaboras, instigas siajn landajn asociojn fari simile.

Inter multaj aliaj decidoj, la Estraro

[1] Mendebla por 24 francaj frankoj ĉe LKK, "Les Cocherats", FR-18210 Thaumiers, Francio.

## Precizigo

En marto (p. 41) ni raportis ke *La serĉado pri perfekta lingvo* de Umberto Eco, libro kiu favore pritraktas Esperanton, baldaŭ samtempe publikiĝos en pluraj lingvoj. Fakte, dum la germana eldono efektive aperis jam vintre ĉe C.H. Beck (Munkeno) kaj la hispana estis atendata ĉi-printempe ĉe la Barcelona Crítica, la anglalingvan varianton la eldonejo Basil Blackwell (Oksfordo) antaŭvidas nur por marto 1995, kaj Seuil (Parizo) ne scias pri franca traduko.

konfirmis la konsiston de la internacia komisiono pri la UEA/ILEI-ekzamenoj (vd. apr., p. 64) — por la lanĉota supera nivelo ankoraŭ necesas trovi prizorgantojn. Laŭ propono de Renato Corsetti, nova komisiono estis starigita, pri "Familioj", kun la anoj Corsetti, Ernő Csiszár kaj Zlatko Tišljar. Oni diskutis pri la decido de Internacia Naturista Organizo E-ista, faka asocio kunlaboranta kun UEA, eksigi unu sian membron ŝajne pro ties gejeco (vd. 1993, p. 199), kaj decidis letere esprimi malkontenton al INOE pri tiu paŝo.

La aprila numero de *Esperanto* elpresejiĝis ĝuste dum la kunsido, kio promesis ĝian alvenon al la averaĝa leganto je la mezo de aprilo. La Estraro instigis gardi tiun ritmon, kiu cetere kondiĉas redaktofinon je la 10-a de la antaŭa monato. Surprizis ke la kostoj de la revuo en 1993 estis malpli altaj ol iam ajn de post 1980. Oni kritikis ke recenzoj malfruas kaj tro ampleksas, dum la prezentmaniero de la rubrikoj "Laste aperis" kaj "Oficiala informilo" ne sufiĉe allogas libro-aĉetemulojn resp. donacantojn. (Tial ni aperigos de tempo al tempo trarigardon pri la uzmaniero de la donacitaj sumoj.) La ideo eldoni la revuon ankaŭ en Latin-Ameriko estis forlasita, des pli ke UEA ne volas konkurenci la tie startintan *Brazila Heroldo* (vd. 1993, p. 163). La Estrara Raporto en 1993 aperis ne en la revuo, sed kiel aparta presaĵo. Denove okazos same; espereble multe pli da membroj mendos ĝin senpage ĉe la CO ol pasintjare.

Pri *Kontakto* la Estraro decidis en 1993 ke dum dujara periodo ĝia deficito estu forigita. Oni nun konstatis ke la deficito jam malkreskis, de pli ol 7 mil gld. en 1992 al malpli ol 5 mil en 1993, kaj ke laŭ tute realisma takso ĝi plene malaperos ĉi-jare. Tio dankeblas precipe al la kresko de la abonantaro, kiu daŭras malgraŭ la triona altigo de la abonprezo por 1994. La estontecon de *Kontakto* certigis ne laste Kataluna E-Asocio, kiu abonis ĝin kolektive por siaj membroj ekde 1994. Individuaj abonemuloj povas ankoraŭ profiti la oferton de TEJO, kiu lotumos PIV inter ĉiuj kies abono estos farita antaŭ la IJK.

**István Ertl**

*Unesko:*

# Eduka Esperanto-projekto lanĉita

En decembro (p. 201) ni publikigis la Parizan Unesko-rezolucion pri Esperanto, kiu naskiĝis pro iniciato de Esperanto-Radikala Asocio (ERA), ligita al la transnacia Radikala Partio (RP). Kiel sciate, la Ĝenerala Direktoro de Unesko apogis la ideon de konkreta E-projekto parte subvenciebla de Unesko. En februaro ERA submetis al Unesko sian projekton Fundapax, kadre de la t.n. Programo de Partopreno, petante subvencion de 26 mil dolaroj. Kvankam Unesko ankoraŭ ne respondis, Fundapax — kiun UEA subtenas — ekis per financado de RP.

ERA starigos en la lernojaro 1994/95, en laŭeble pli ol 10 landoj, reton de 4-16 klasoj aŭ grupoj da infanoj en unuagradaj lernejoj, interkomunikantaj en Esperanto, kaj paralelan reton de "Fundapax-instruistoj". Tiucele ERA eldonos du lernolibrojn de Elisabetta Vilisics Formaggio en po 5 000 ekzempleroj: unu por la infanoj (ĉ. 150 p.), kaj unu por kapabligi la instruistojn scipovi kaj instrui E-on (ĉ. 80 p.).

Komisiono prezidata de prof. Fabrizio Pennacchietti pristudas la eblojn de interŝanĝoj, ĉefe ludaj, inter la infangrupoj, kaj kompilos "protokolon pri ĝemeliĝoj" inter diverslandaj klasoj kaj lernejoj. Pri la studrezultoj de la komisiono ERA publikigos E-lingvan broŝuron en 3 000 ekzempleroj junie.

En majo estos dissendita letero al la ĉ. 1100 lernejoj en 80 landoj kiuj estas "asociitaj al Unesko", kun invito partopreni en la projekto. En junio-julio E-asocioj en 52 landoj kaj ĉ. 16 000 e-istaj adresoj en pli ol 100 landoj ricevos leteron kun la rezultoj de la varba fazo de Fundapax kaj kun peto ekrilati la kontaktulojn de la "Fundapax-lernejoj". Instruistojn dezirantajn trejniĝi aŭ klasojn kiuj volas inviti eksteran instruiston, ERA kontaktigos kun E-asocioj kaj kun naciaj asocioj de e-istaj instruistoj. Dum la sama periodo ERA serĉos financan helpon kaj varbos apogon de eminentuloj por fondi tutmondan patron-komitaton.

La unua Fundapax-lernojaro daŭros de septembro 1994 ĝis junio 1995, kaj la kunlaborantaj instruistoj sendos du raportojn pri la agado, en februaro kaj junio 1995. Fine, en septembro 1995, eldoniĝos ĉ. 150-paĝa "blanka libro" pri la rezultoj.

# Agad-skizo en Parizo

La 19-an de marto okazis en Parizo UEA-kunsido pri Unesko, kiun gvidis Mark Fettes. Ĉeestis Barbara Despiney, komisiito de UEA pri Unesko, kaj sep aktivuloj el kvar landoj.

Kompreneble, grava temo estis la Unesko-rezolucio pri Esperanto. Despiney atentigis ke ĝi ricevas malpli prioritatan traktadon ol la antaŭaj rezolucioj, ĉar ĝin proponis nur unu membroŝtato; tial ĝia teksto ankoraŭ ne aperis en la oficialaj aktoj. Tiu prokrastiĝo tamen neniel malhelpas ke oni ekagu: unuflanke, ERA jam deponis projekton pri E-instruado (vd. supre); aliflanke, la rezolucio donas bazon por enketi ĉe ĉiuj membroŝtatoj pri la plenumo de la rezolucio de 1985, kiu instigis al enkonduko de kursoj pri lingvoproblemoj kaj pri Esperanto en la superan eduksistemon. Fettes dissendos la oficialan tekston de la rezolucio al la landaj asocioj, kun konciza propono kiel uzi ĝin por peti oficialan raporton de sia registaro.

Fettes klarigis sian deziron estigi kunlaboron inter la laborgrupoj de Parizo (ĉe Unesko) kaj Novjorko (ĉe UN). En oktobro li jam diskutis en Novjorko kun Rochelle Grossman, Humphrey Tonkin kaj lokaj aktivuloj la strategion de UEA ĉe UN. Sentiĝis neceso elpaŝi en pli radikala maniero ol en la lastaj jaroj: Tonkin iniciatis tiucelan proponon. Oni celas do

Ĝis la 5-a de aprilo jam aliĝis al la Fundapax-projekto 8 klasoj el Italio kaj 2 el Ukrainio. Nun ERA alvokas:

Kunlaboru en la Fundapax-projekto

– Se vi posedas komputilon kun modemo kaj estas kunligita kun internacia komputila reto (ekz. Internet), vi povas fariĝi kontaktulo de la Fundapax-projekto, nome ricevi kaj transdoni informojn pri la okazantaj/okazontaj instru-eksperimentoj.

– Se vi estas instruisto elementlerneja kaj kapablas instrui Esperanton al infanoj, bonvolu anonci vian kunlaborpretecon.

– Se vi povas instrui Esperanton al elementlernejaj instruistoj dezirantaj fariĝi E-instruistoj por infanoj, bonvolu anonci vin.

– Se vi konas elementlernejajn instruistojn ne E-parolantajn, sed interesatajn lerni Esperanton por partopreni la eksperimentojn, sciigu al ni iliajn nomon kaj adreson.

Bonvolu anonci vian kunlaborpretecon sciigante vian kompletan adreson, kun telefon- kaj faks-numeroj kaj eventuale e-poŝta adreso, al:

**Esperanto Radikala Asocio**
**Via di Torre Argentina 76**
**IT-00186 Roma, Italio; tel. +39/6/689-791; fakso +39/6/68-80-53-96; e-poŝto: E.R.A.@agora.stm.it**

kunordigi inter Parizo kaj Novjorko iniciatojn pri specifaj temoj, aperigi komunan bultenon kaj trovi pli da kunlaborantoj en ambaŭ urboj.

Monda Kunagado (MK), la internacia Unesko-asocio por e-istoj, aŭspicias projektojn kiuj povas altigi la prestiĝon de E-o ĉe Unesko, ĉar ili uzas la lingvon por la celoj de Unesko mem. Tial indas ke UEA helpu MK trovi subtenon de Unesko por difinitaj projektoj, kaj la Pariza laborgrupo konsilos MK pri tio. Fettes, kiu estas konsilantarano de MK, vizitis dum sia restado la ĝeneralan sekretarion de Monda Federacio de Unesko-kluboj; tiu organizo verŝajne akceptos MK kiel observantan asocion kaj praktike rilatos al ĝi kiel al UEA-fako pri Unesko-kluboj. ★

# La Tria Afrika Kongreso

Sude de la Saharo viciĝas, unu apud la alia ĉe la marbordo, la landoj Ebura Bordo, Ganao, Togolando, Benino kaj Niĝerio. En tiuj landoj Esperanto enradikiĝis jam antaŭ pli ol jardeko. En 1990 la tempo estis matura por Unua Afrika Kongreso, en Togolando. Unu jaron poste, la beninanoj organizis la Duan Afrikan Kongreson. En ĝi partoprenis 90 afrikanoj kaj 18 alikontinentanoj.

Se ne tuj sekvis la Tria Afrika Kongreso (TAK), ties kaŭzo ne estas mankanta entuziasmo. La ganaaj e-istoj jam tuj proponis gastigi la Trian Kongreson, kaj ankaŭ la partoprenintoj, afrikaj kaj ne-afrikaj, revenis entuziasmaj de la Dua Kongreso.

Simple: la monujo de la Fondaĵo Afriko de UEA estis malplena. Afrika kongreso kostas multe, kaj la afrikaj partoprenantoj ne povas pagi plenan kotizon. Sed finfine ni decidis ke jam ni ne povas plu prokrastadi la Trian Afrikan Kongreson. Jen do: ĝi okazos **de la 23-a de decembro 1994 ĝis la 7-a de januaro 1995 en la konstruaĵoj de Nacia Sporta Kolegio en Winneba, Ganao.**

Winneba estas apudmara urbeto, 60 km-ojn okcidente de la ĉefurbo Accra. En tiu sezono la temperaturo estas ĉ. 25°. Dum la ferioj oni luas la studentajn ĉambrojn, kiuj estas simplaj sed plaĉaj kaj puraj.

Origine la plano estis: kongresi dum tri semajnoj, ekde la 17-a de decembro. Montriĝis ke la kostoj de tiel longa periodo estus tro altaj. Sed kompreneble alveno pli frua estas ebla, same kiel foriro pli malfrua. Tiu kiu volas viziti Ganaon kaj ĝiajn najbarajn landojn pli longe, certe ricevos helpon de la lokaj e-istoj.

La plano estas organizi komunan flugvojaĝon al kaj el Ganao ĉirkaŭ la kongresaj datoj. Kvankam la tarifoj estos favoraj (sub la IATA-nivelo), ili ne estos grupaj. Oni povas do diverĝi de tiuj datoj.

La kongresa programo estas jam detale skizita, sed tro longa por citado ĉi tie. Oni komencos iom solene, kongresece. Poste oni komune laboros en laborprojekto (konstruado de puto, aŭ arbarigado) kaj samtempe studos Esperanton kaj E-instrumetodon, gvidate de la Ĉeĥ-instruisto Atiljo Orellana Rojas. Kongresfine oni rekunvenos solene. La laborpartopreno ne estas deviga: tiuj kiuj preferos ekskursi turisme, povos tion fari (proprakoste).

La kotizo, kiu enhavas la vojaĝon el ankoraŭ difinota eŭropa flughaveno kaj revene, la restadon, la programon, kaj solidarecpagon por nepagipovaj partoprenantoj, estas **2980 ned. gld.** Tiu sumo ne inkluzivas la veturon de via loĝloko al la eŭropa flughaveno (sed ni klopodos organizi avantaĝajn flugojn tien kaj reen), la kostojn de vizo, de asekuro kontraŭ malsano kaj pakaĵoperdo, kaj de apartaj turismaj ekskursoj en Afriko. Ni opinias ke pli bone oni decidu surloke kiam, kien ekskursi. Aŭ tute ne mendi oficialan ekskurson sed amikiĝi kun afrikanoj surloke kaj sekvi iliajn proponojn.


*Ĉu vi kunkonstruos puton en Ganao?*

Necesas rapida aliĝo, ĉar la aviadiloj jam estas plenaj. Eĉ se vi ne firme decidis, tamen anoncu vin. Posta malanonco eblos sen formalaĵo. Multe pli malfacila estos malfrua novanonco. Skribu tuj al Hans Bakker (adreso en la kolofono). ★

*Intervjuo:*

# Mi travivis multajn finajn venkojn

**De tempo al tempo eĉ akademianoj vizitas la Centran Oficejon. La 3-an de februaro kafumis kun ni Sylla Chaves el Rio-de-Ĵanejro, ĵus emeritiĝinta profesoro pri publika administrado, prezidinto de Brazila Esperanto-Ligo, poeto, prozisto, vortaristo (*Originala Esperanta bildvortaro*), verkinto de tuta aro da instruiloj, Honora Membro de UEA. Chaves festos sian 65-jariĝon la 2-an de junio.**

*Ĉu indas vojaĝi el suna Brazilo al pluva Nederlando?*

Antaŭ nelonge mi pensiiĝis, kaj decidis profiti de mia nova stato: unuafoje post 20 jaroj, mi forlasis Brazilon por longa eŭropa vojaĝo.

*Kiel pensiulo, vi havos eĉ pli da tempo por Esperanto.*

Mi havas du grandajn programojn en mia vivo: Esperanton kaj alfabetumadon en Brazilo. Mi volas instrui precipe pli aĝajn nelegipovulojn per speciala metodo, kiun mi ne inventis, nur kunmetis el multaj partoj.

*Ĉu la nelegipovo estas granda en Brazilo?*

Tro granda. La socia nivelo de Brazilo estas malalta proporcie al ĝia ekonomia plenumo; la legipovo kaj sano estas malpli bonaj ol en landoj simile evoluintaj. Tiu situacio inspiris min helpi realigi Esperantan eldonon de *Sano: strategio por ŝanĝo* de la san-sistema fakulo Mário M. Chaves, kiu estas mia frato [15 gld. ĉe UEA].

*Kiel multaj esperantistoj, vi do engaĝiĝas ne nur por Esperanto . . .*

Se la e-istoj volas pli bonan mondon, ili zorgu pri la lingva problemo je la alta nivelo, kaj pri la problemo de analfabeteco je la baza nivelo.

Estas eĉ alia paralelo inter tiuj miaj agadoj: same post leg-instrua kiel post Esperanta kurso, mi instigas la homojn tuj eklegi kaj ekdiskuti, por ke ili fariĝu legantoj, kaj scipovu pli ol subskribi sian nomon, respektive balbuti kun modesta vortprovizo. Tial en Esperanto mi verkis progresigajn librojn por facila legado, kiel *Libera ekflugo* kaj *La estonto dependas de ni*.

En Brazilo, kie la okazo paroli Esperanton estas malofta, des pli gravas rapide formi legantojn kiuj abonos revuojn, aĉetos librojn, korespondos. Miaj libroj instruas ne nur la lingvon, sed ankaŭ esperantismon. Ne kiel filozofion, sed praktike: la mondan kulturon, la belecon de la plureco en la mondo.

*Brazilanoj havas do ĝenerale pli idealismajn ol praktikajn motivojn por okupiĝi pri Esperanto. Ĉu vi mem lernis Esperanton pro idealo?*

Kiam mi estis sepjara, mia familio eklernis Esperanton pro la vizito de iu e-isto. Mia pli aĝa fratino ekkorespondis, sed perdis intereson. Kiam en la aĝo de 12 jaroj mi decidis inventi lingvon, ŝi, la saĝulino de la familio, diris: Sylla, kial vi inventas lingvon, dum jam ekzistas Esperanto? Kaj mi lernis ĝin el ŝia ekzercokajero. Kiam en gazeto mi legis ke Tibor Sekelj vizitos la ĉefsidejon de Brazila E-Ligo kaj rakontos pri Akonkagvo, mi veturis al la sidejo, ĉar mi estis freneza pri geografio. Sekelj jam forvojaĝis, sed mi renkontis homojn kiuj normale parolis Esperanton kaj postulis ke mi parolu! Baldaŭ mi jam avide legis e-aĵojn.



*Sylla Chaves:*
*"Mankis facilaj postkursaj legaĵoj – mi verkis tiajn."*

*Ĉu en via profesia kariero restis tempo por Esperanto?*

Mi studis komunikadon (tiam oni nomis ĝin "publikaj rilatoj") kaj plurajn lingvojn. Kiel 20-jarulo mi estis la plej juna kandidato por posteno en Novjorko ĉe UN, kaj mi tamen dungiĝis. La Esperanta ĉefurbo de Usono tiam estis Novjorko, kie mi konatiĝis kun la tre aktiva Ralph Bonesper kaj kunvenis multe kun e-istoj.

*Via Novjorka restado koincidis kun la pintaj jaroj de malvarma milito.*

Estis vere tre interesa epoko. Imagu: 20-jarulo, kiu unuafoje vivas ekster sia lando, devas kiel dungito de UN disdoni dokumentojn al la anoj de la Sekureca Konsilio: persone al Viŝinskij, Malik, s-ino Roosevelt; paroli al ili, aŭskulti ilin. Imagu la senton ĉeesti kiam unuafoje la ĉina delegitaro venis al UN . . . Sed pro la korea milito oni legis teruraĵojn pri la neeviteblo de nova mondmilito, en kiu Usono venkos sed Novjorko estos detruita. En Novjorko regis la plej granda kolektiva psikozo kiun mi spertis. Tial mi decidis forlasi Novjorkon.

En Brazilo mi tradukis kaj interpretis, uzante la anglan, portugalan, hispanan kaj francan. De tie oni sendis min al Parizo por studi; reveninte, mi prezentis kandidatiĝon al Unesko, ĉar al mi plaĉis Francio. De 1957 ĝis 1960 mi laboris ĉe Unesko en Parizo. Pri Esperanto mi havis saman bonŝancon kiel en Novjorko: mi venis en bona momento

*Edukado:*

# Januara somerlernejo

**Se oni aŭdas pri someraj kursoj, oni unue pensas pri la trisemajnaj kursoj en San-Francisko, en junio-julio. Sed en la lastaj jaroj laŭmerite populariĝas ankaŭ la Somerlernejo en Aŭstralio – kiu okazas, konforme al la antipoda klimato, en januaro. Donald Broadribb jene raportis pri ĝi en *Esperanto sub la Suda Kruco*:**

*Somerlernejo* – kiel priskribi ĉi tiun unikan eventon? Kvindekpluso da personoj el ĉiuj anguloj de Aŭstralio, el Nov-Zelando, kaj pluraj "ekzotikaj" landoj (Francio, Rusio, Tajlando . . . ) studis inter la 10-a kaj 22-a de januaro en kursoj gvidataj de egale ekzotikaj instruistoj – Donald Broadribb, Marcel Leereveld, Vera Payne, Trevor Steele; kaj Alexandr Melnikov, ruso kies T-ĉemizo kiu tekstis "Mi estas tro seksalloga por tiu ĉi T-ĉemizo" resumis la opinion de multaj studantoj, se juĝi laŭ ilia entuziasmo pri li en kaj ekster la klasoj.

Tri horoj da lernado ĉiumatene, kun trinkpaŭzo. Lecionoj por komencantoj; pri gramatiko; pri sonĝoj; pri literaturo, pri Platono kaj ties "respubliko"; eĉ lecionoj pri neanticipitaj temoj. En la posttagmezo, filmoj en Esperanto. En la vesperoj, neimageblaj distraĵoj.

Krome, ekskursoj, plantado de pacarbo . . . kaj plej grave, konversacioj dum la manĝperiodoj, kiam eĉ komencantoj povis sentime provadi sian kapablon paroli Esperante sen la timo esti konstante korektataj.

La kunokazigo de la 30-a Aŭstralia E-Kongreso dum la dua semajno (16-22 jan.) estis katastrofa. Do, bonvenas kompromiso: *ĉiujara* Somerlernejo en Adelajdo januare; kaj ĉiujara Kongreso aliloke dum alia parto de la jaro.

Dum la kongreso Ralph Harry proponis ke Aŭstralia E-Asocio monhelpu anojn kiuj ne povas elspezi la jarkotizon por membreco en AEA, "ĉar estas necese subteni nombrojn, ekzemple, por pritrakti lingvajn aferojn kun registaraj instancoj".

Same Harry prezentis, elstare, la kongrestemon "Jaro de la familio". Aleksander Melnikov prelegis pri: "Ĉu Esperantujo estas nacio?"

**Donald Broadribb (Aŭstralio)**



***Kongresa konversacio:***
***Heather Bruer (maldekstre) kaj Idyss Einihovici.***

---

por konatiĝi kun Schwartz kaj Waringhien, por aŭdi Privat ankoraŭ . . . Dum mia Pariza studenteco estis la lasta jaro de la kabareto Tri Koboldoj [vd. apr., p. 70.].

*Kiel kaj kial via E-kariero fariĝis tiel multflanka?*

En 1978 mi fariĝis prezidanto de Brazila E-Ligo, kaj kiel tia mi sentis la mankojn. Se ion neniu faris – do mi faris ĝin! Aliaj aŭtoroj ne akceptis enkonduki kanzonojn en lernolibrojn – mi verkis lernilojn kun kantoj. Mankis facilaj postkursaj legaĵoj – mi verkis tiajn. Mankis vortaro – mi fariĝis vortaristo. Kaj kiel vortaristo, mi eniris la Akademion.

*Ĉu laŭ vi Esperanto krizas, stagnas aŭ kreskas nuntempe?*

Mi sufiĉe multe vojaĝis tra la mondo, kaj en la tempo mi ĉeestis duonon de la historio de Esperanto. Laŭ mia sperto Esperanto estas en konstanta krizo. Tio estas: ĝi ĉiam malfortiĝas kaj refortiĝas. La lingvo rezistas en la krizoj pro la esperantismo, kiu dekomence ĝin portis. La idealo de Zamenhof ebligis ke la lingvo kreiĝu, fariĝu vivanta – kun siaj neperfektaĵoj, kun siaj homaj kvalitoj, kaj ĝi estas bona tiel.

*Do, ankaŭ la estontecon de Esperanto vi vidas simila: ĉiama defalo, ĉiama rekresko . . .*

La fakto ke Esperanto estas praktike nedetruebla, sufiĉas por esti kontenta. Nuntempe mi rezonas jene: Esperanto jam estas por mi taŭga lingvo. Ĉu gravas ke surstrate ni pli ofte parolas angle? Tute ne. Temas pri komunikado por diversaj celoj, je malsamaj niveloj. Esperanto ne donas al ni kvanton, sed sufiĉe kontentigan kvaliton.

*Malgraŭ tio, ĉiam restos en la movado la ideo pri fina venko.*

Mi travivis multajn finajn venkojn en aliaj fakoj, kaj tial mi opinias: ankaŭ por Esperanto povus veni iu subita fina venko. Eble post kvin, eble post kvincent jaroj. Ekzemple, mi laboris ĉe UN en 1950 kaj subite vidis, en unu lando post la alia, la finon de koloniismo. Oni povus diskuti ĉu ĝi vere ĉesis, sed iu periodo ja finiĝis. Mi vidis la lukton de socialismo kaj kapitalismo, ambaŭ kun siaj malbonaĵoj, kaj subite la unua falis. Nun restas ke ankaŭ la malbona flanko de kapitalismo falu.

Tamen, post la venkoj nepre io devas formorti: en nia kazo tio estos la bona etoso inter esperantistoj. Sed mi laboras pri Esperanto por du celoj: por pli bona mondo kaj por pli praktika mondo. Esperanto povas konduki al ambaŭ. Mi ne scias ĉu unu havus kiel konsekvencon la alian. Kiam Esperanto venkos praktike, ankoraŭ restos longa vojo ĝis la idealoj de Zamenhof. Ni devas labori por la fina venko. Povos veni la falo de la tigroj paperaj, de la internacia rolo de la angla. ★



# Esperanto en radio

## Radioelsendoj en Esperanto
## Kompleta listo laŭ la stato en aprilo 1994

| Tagoj | Tempo (UTC) | Stacio | Ĉefa celregiono, frekvencoj (kHz) |
|---|---|---|---|
| ĉiutage | 03.30-04.00 | R. Bandeirantes | Brazilo/cetera Ameriko: 11925 |
| dimanĉe | 04.05-04.30 | R. Aŭstrio | Eŭropo: 6155 13730<br>Proksima Oriento: 15410 |
| ĵaŭde | 05.10-05.24* | R. Vatikano | Eŭropo: 6185 7365 |
| sabate | 06.30-07.00 | R. Vilnius | Eŭropo: 9710 (nur lastan sabaton de monato) |
| dimanĉe | 07.00-07.30 | R. Havano | Nord-Ameriko/Pacifiko: 6060 |
| ĉiutage | 11.00-11.25 | R. Pekino | Orienta Azio: 6955 9480 |
| ĉiutage | 13.00-13.25 | R. Pekino | Suda Azio: 11650 11840 |
| dimanĉe | 13.05-13.30 | R. Aŭstrio | Eŭropo/Afriko: 6155 9870 13730<br>Azio: 15450 |
| ĉiutage | 13.30-13.55* | Pola R. | Eŭropo: 6135 7145<br>9525 9540 11815 |
| dimanĉe | 15.00-15.30 | R. Havano | Ameriko/Karibio: 11760 |
| dimanĉe | 18.30-19.00 | R. Havano | Afriko/Mediteraneo: 17760 |
| dimanĉe | 19.20-19.29* | R. Vatikano | Eŭropo: 1530 (mezondo);<br>3945 5882<br>Afriko/Proksima Oriento: 7355 |
| sabate | 20.00-20.20 | RAI, Romo | Eŭropo: 6010 7275 |
| ĉiutage | 20.00-20.25 | R. Pekino | Eŭropo: 7405 7470 9965 |
| ĵaŭde | 20.15-20.30* | Estona Radio | Norda Eŭropo: 5925 |
| ĉiutage | 20.30-20.55* | Pola R. | Eŭropo: 1503 5995 6135 |
| dimanĉe | 22.00-22.30 | R. Havano | Eŭropo/Mediteraneo: 17760 |
| ĉiutage | 22.30-22.55 | R. Pekino | Suda Ameriko: 9480 11515 |
| dimanĉe | 23.30-24.00 | R. Havano | Ameriko: 11760 11970 13660 |

* ekde 1994-09-25 unu UTC-horon pli malfrue

Mez-Eŭropa (Vintra) Tempo = Universala Tempo (UTC) + 1 horo
Mez-Eŭropa Somera Tempo = Universala Tempo (UTC) + 2 horoj

**Nombro de Esperantaj elsendoj internaciaj en semajno: 60-61**
**Entuta elsendotempo en semajno: 25 horoj 25 minutoj**

### Lokaj radioelsendoj

Ne subtaksenda estas la agado de personoj kaj institucioj kiuj funkciigas E-lingvajn elsendojn en *lokaj* radiostacioj, ĉar tiuj ja estas aŭskultataj ankaŭ de la neesperantista publiko. Jen la nomo kaj kontakt-adreso de *kelkaj* el ili:

**Aŭstralio:** Radio 3.ZZZ 92,3 FM (Etna Radio), P.O. Box 1106, Collingwood, Victoria 3066

**Brazilo:** Radio Rio de Janeiro, Brazila Spiritisma Federacio, Arda Passos 30, BR-20051-000 Rio de Janeiro

**Francio:** Radio Esperanto, 145 rue Amelot, FR-75011 Paris

**Hispanio:** Radio Klara, 102,6 FM, F.N. Clemente, Calixto III, 36, ES-46008 València

**Hungario:** Esperanto Radio, HU-1800 Budapest (La 30-minutaj, ĉiusemajnaj E-elsendoj, redaktataj de Éva Farkas-Tatár, atingis la centan fojon.)

**Italio:** Radio Radicale, Via Principe Amedeo 2, IT-00185 Roma

**Nov-Zelando:** Access Radio, Wellington (David Ryan, P.O.B. 3867 Wellington)

*Ĉiujn informojn pri radio bonvolu sendi al la redaktoro de tiu ĉi rubriko: s-ro Josef Lechermeier, Waldeysen-str. 19/311, DE-85057 Ingolstadt, Germanio. Se eblas, bonvolu almeti reafrankon.*

### Korespondadresoj kaj ĝeneralaj informoj

Radio AŬSTRIO Internacia: AT-1136 Wien ( = Vieno), Aŭstrio (tel. +43/1/87878-3636; fakso +43/1/87878-3630).

Radio BANDEIRANTES: San-Paŭlo, Brazilo.

ESTONA Radio: EE-200100 Tallinn, Estonio. La elsendoj, ĉesigitaj en septembro 1993, rekomenciĝis!

Radio HAVANO: Apartado 62-40, La Habana, Kubo (telekso 51 1344 rhc cu). Dimanĉe trifoje al Ameriko kaj dufoje al Mediteraneo kaj Eŭropo. En Eŭropo kelkfoje bone kaptebla.

LITOVA Radio, Vilno: Radiocentras, A.D. 1792, LT-2019 Vilnius, Litovio. Lastan sabaton de ĉiu monato.

Radio PEKINO: 2 Fuxingmenwai Avenue, Beijing 100866, Popola Resp. Ĉinio. Ĉiutage 4-foje al diversaj mondregionoj; la elsendo por Eŭropo okazas ekde la 20-a horo laŭ UTC. Elsendas ekde januaro ĉinlingvan kurson ĉiumerkrede (ripeto ĵaŭde). Dezirantoj ricevos la tekstojn de la lecionoj, kaj post la kursfino la radio eldonos lernolibron kaj kasedojn.

POLA Radio, Varsovio: Skrytka pocztowa 46, PL-00950 Warszawa, Pollando (tel. +48/22/459-358, +48/22/459-337; fakso +48/22/444-123). Disaŭdigas ĉiutage 2 programojn, ĉefe por eŭropaj aŭskultantoj.

RADIOTELEVISIONE ITALIANA (RAI): C.P. 320, IT-00100 Roma, Italio. Sabate 20-minuta programo por Eŭropo.

Radio VATIKANO: IT-00120 Città del Vaticano (fakso +39/06/698 3844). Dufoje semajne por aŭskultantoj en Eŭropo kaj en la Proksima Oriento.



*Johano Paŭlo la 2-a*

# Paska saluto de la papo en Esperanto

Multaj bone memoras la 15-an de aŭgusto 1991, kiam la papo unuafoje parolis publike en Esperanto, antaŭ miliono da gejunuloj en la pola urbo Częstochowa. Oni atentis ankaŭ lian mesaĝon al la partoprenantoj de la Valencia UK (1993, p. 143). E-istoj de longe deziris ke Johano Paŭlo la 2-a uzu Esperanton ankaŭ en siaj novjaraj kaj paskaj salutoj, kiujn li eldiras ĉiujare en dekoj da lingvoj. La itala Radikala Partio eĉ petis letere, la 25-an de marto, ke "Esperanto estu aldonata . . . al la lingvoj jam uzataj por la bondeziroj . . . okaze de la Sankta Pasko". La deziro plenumiĝis: dum la paska dimanĉo, la 3-an de aprilo, centmilo da aŭskultantoj kaj centmilionoj da televidantoj povis aŭdi la frazon "Feliĉan Paskon en Kristo resurektinta!". Esperanto enviciĝis post 55 aliaj lingvoj, kiel antaŭlasta; ĝin sekvis saluto eldirita en la pola, la gepatra lingvo de la papo. La itala novaĵagentejo ANSA, pluraj televid-stacioj kaj gazetoj raportis ke temas pri unuafoja uzo de Esperanto en la paska saluto.

La papaj vortoj signifas novan ŝtupon de la rekono de Esperanto en Romo, post aprobo de liturgiaj tekstoj por meso en Esperanto (1990) kaj agnosko de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista kiel internacia privata asocio de fideluloj (1992).

*Radio:*

# Varsovio 35-jariĝas

La 4-an de aprilo la E-elsendoj de Varsovio fariĝis 35-jaraj. Dum tiu periodo, egala al triono de la ekzistotempo de Esperanto, disvastiĝis miloj da informoj pri polaj kaj internaciaj temoj, pri movadaj aktivaĵoj, diskoniĝis gravaj novaĵoj, kiuj kontribuis al pli aktiva e-ista agado, speciale en la jaro de la 100-jariĝo de Esperanto. La eŭropajn esperantistojn alparolis, dum entute 40 653 elsendoj, kelkaj miloj da elstaraj E-agantoj kaj tute ordinaraj uzantoj de la lingvo internacia, kaj niaj aŭskultantoj reagis — ĝis la fino de 1993 — per 134 706 korespondaĵoj.

La Redakcio, samkiel ĉiuj fakoj de la Eksterlanda Programo de Pola Radio, dum longa tempo prezentis multe da propagandecaj programeroj. Sed eĉ en plej malfacilaj tempoj la E-Redakcio ĉiam klopodis servi la e-istaron, i.a. per la perado de tipe E-movadaj informoj, kiuj havis nenion komunan kun la politiko. Kiam en 1988-1989 la politika vivo en Pollando komencis pli kaj pli liberaliĝi, la E-elsendoj jam povis pli kaj pli libere trakti plej diversajn temojn, inkluzive de la religiaj.

La antaŭan ofte unuflankan prezenton de la vivproblemoj sekvis maksimume sincera, malferma informado, eĉ pri antaŭe tabuaj temoj. Per honesta prezentado de plej diversaj temoj (politika vivo, ekonomio, sociaj misformaĵoj, komunisma postmilita periodo, krimoj de stalinismo, aidoso, enmigrintoj, polaj-rusaj rilatoj sen plibeligoj ktp), ni volis praktike montri al niaj aŭskultantoj ke la E-elsendoj de Pola Radio profunde transformiĝis, fariĝis pli fidindaj kaj, eble, sekve de tio — pli aŭskultindaj.

Dum niaj 35 jaroj ni devis subigi nin al difinitaj reguloj de la politika-informa ludo kaj faris diversajn pekojn. Tamen ni firme fidis tiutempe ke ni konstante servas pli gravan celon, kiu estis *konservi la E-elsendojn ene de la Eksterlanda Programo de Pola Radio* kaj ĝisvivi la tempon kiam oni povos disvolvi liberan informadon pri ĉio, sen limigoj. Tiu tempo alvenis kaj ni klopodas nun utiligi ĝin por la bono de Pollando, internacia kunlaboro, realigo de la eŭropa integriĝo, kaj fine, sed ne lastsignife — *por la bono de la E-movado*. Memorante pri la speciala Premio de UEA (Viena UK, 1970) pro "la elstara kontribuo de la E-Redakcio de Pola Radio al la evoluigo de ĵurnalisma lingvouzo en Esperanto, speciale en radio", pri la premio Onisaburo Deguĉi pro la kontribuo de nia Redakcio al la interpopola paca interkompreniĝo (Valencia UK, 1993), ni ĉiam konscios ke *ni laboras por difinitaj homoj, por niaj diverslandaj geamikoj*, kiuj aŭskultas nin por ĉerpi informojn kaj fortojn por la agado favore al la realigo de la granda ideo de Ludoviko Zamenhof.

**Andrzej Pettyn**

*(La aŭtoro estas kunlaboranto de la Esperanto-Redakcio ekde la komenco kaj plentempa redakciano ekde 1961; dum kelkaj jaroj li estis krome estro de la Finna Redakcio.)*

# Kiel mi memoras Ĵelezon

**Kiel ni raportas nekrologe (p. 100), la 2-an de februaro forpasis en Pekino Ye Laishi (Ĵelezo), veterano de la ĉina movado. Je nia invito, Honora Membro Kurisu Kei afable konsentis verki pri la kruciĝpunktoj de lia kaj sia vivoj.**

Ye Laishi (Ĵelezo) estas la unua ĉino, e-isto aŭ ne, kun kiu mi korespondis individue. Mi jam ne memoras bone kiel kaj kiam tio komenciĝis, sed, ĉiuokaze, post kiam mi aliĝis la popolfrontan E-movadon, kies monata organo estis *Marŝu*, lanĉita en Kôbe oktobre de 1934. Pli frue mi aktivis en Tokio, ĉefe gvidante la agadon de PEK (Proleta E-Korespondado) en Japanio. Sed en junio 1933, liberiĝinte post polic-enkarceriĝo por kvar monatoj, malsana je ftizo, beribero kaj skabio, mi devis reveni en Osakon, kie mi kreskis, por zorgi pri resaniĝo. Kaj, kvazaŭ la sorto volus, mi komencis vivi en Kôbe ĝuste kiam *Marŝu* estis lanĉita.

Nia peresperanta korespondado estis fruktodona. Ekzemple, kiam Lusin mortis en 1936, mi skribis al Ĵelezo kondolencajn vortojn kvazaŭ reprezentante ĉiujn japanajn legantojn de Lusin, kaj li ilin tradukis el E-o ĉinlingven kaj publikigis en *Shenbao*, granda ĉiutaga gazeto en Ŝanhajo, kun indiko ke la originalo estas en E-o. Li ankaŭ speciale sendis, pere de mi, kelkajn fotojn pri la popola funebro pro Lusin en Ŝanhajo por tiu numero de grava revuo en Tokio, *Bungaku Annai*, kiu portis sur sia kovrilo Esperantan titolon "La Gvidanto Literatura", dediĉita al memoro de Lusin.

Miaparte mi publikigis en la oktobra n-ro 1936 de *Bungaku Annai* lian specialan korespondaĵon, kiun mi tradukis japanlingven, sub titolo "Ni kolektive pretigas 'Unu tagon de Ĉinio'", same indikante ĝian peresperantan devenon. "Unu tago de Ĉinio" estis kolekto de raportoj verkitaj de diverslokaj ĉinoj, ne nur profesiaj verkistoj kaj ĵurnalistoj sed ankaŭ multaj amatoroj, pri la vivo de ĉinoj en difinita tago: la 21-a de sept. 1935. Ĝi eldoniĝis en Ŝanhajo septembre de 1936.

Nia korespondado tiel fruktodona tamen devis interrompiĝi unue pro mia arestiĝo en majo 1937 kaj poste pro la totala japana invado en Ĉinion julie de 1937. Ĝi rekomenciĝis en 1950, jam post la fondiĝo de la Ĉina Popola Respubliko. Lia unua sufiĉe longa letero el Ŝanhajo estis adresita komune al Ôsima Yosio, mia pli aĝa kamarado el la antaŭmilita proleta E-movado, loĝanta en Tokio, kaj mi, ĉar li iel informiĝis ke mi baldaŭ transloĝiĝos el Osako en Tokion, sed ne sciis mian novan adreson en Tokio. Kiom mi memoras, en ĝi li laŭdegis min tiel ke li eĉ skribis ke se la tutmonda E-movado havus dek Kurisu-ojn, ĝia stato radikale pliboniĝus.

Tiu laŭdego lia baziĝis ĉefe sur la fakto ke mi gajnis en 1949 Osaka-Premion, la plej prestiĝan premion en japana E-ujo, fonditan memore al Osaka Kenzi (Kenĵi Osaka, kiel li mem subskribis), eminenta esperantologo rigardata kiel la patro de la japana E-movado. La kialo de mia premiiĝo estis ke mi per mia vigla peresperanta korespondado post la milito multe kontribuis al vasta diskonigo de E-o kiel utila vivanta lingvo en Japanio: tio kulminis en japanlingva libro, kiun mi kompilis el 58 leteroj de miaj 26 e-istaj korespondantoj el 12 landoj.

Sed kiam somere de 1973 li vizitis Japanion ĉefante la trimembran ĉinan E-delegacion kiu partoprenis la 60-an Kongreson de Japanaj E-istoj, li eĉ ne volis paroli kun mi en la bonveniga bankedo aranĝita en Tokio de Japana E-Instituto. Kial tia drasta ŝanĝiĝo? Evidente li timis kontakton kun mi, ĉar intertempe mi ĉesis esti komunisto, kio certe jam estis konata ankaŭ en Ĉinio, precipe en ĉina E-ujo. Estis ĝuste meze de la Granda Kultura Revolucio, kaj laŭdire li mem nur iom pli antaŭe devis kiel reedukenda intelektulo submetiĝi al rigora trejnado ĉiutage okupiĝante pri korpa laboro en kamparo. Krom tio supozeble li estis sub severa superrigardado eĉ dum sia mallonga restado en Japanio.


*Ye Laishi (Ĵelezo), 1911-1994*

Poste okazis ankaŭ ke li ne kuraĝis nomi min kiel la aŭtoron de tiuj kondolencaj vortoj por Lusin, kiam li en siaj memoraĵoj serie publikigitaj en ĉina revuo detale menciis tiun aferon, malgraŭ ke li plene citis ilin en sia nova ĉinlingva traduko. Ne mirinde, ĉar en Ĉinio ankoraŭ tiam regis timo. Tio signifas ke post ĉio ankaŭ Ĵelezo estis tiurilate nur ordinara homo, ne heroo.

Sed kompreneble Ĵelezo havis ankaŭ laŭdindan, eĉ admirindan flankon. Estas bone konate ke li sindone prizorgis la japanan E-verkistinon Verda Majo en Ĉinio, kien ŝi sekrete veturis en aprilo 1937 post sia ĉina edzo Liu Ren (ankaŭ e-isto, al kiu ŝi edziniĝis en Tokio) kaj kie ŝi aktive

partoprenis en la kontraŭjapana rezistmilito ĉefe per kontribuado al la ĉinaj poreksterlandaj E-gazetoj kiel *Ĉinio hurlas* en Ŝanhajo kaj *Heroldo de Ĉinio* en Chongqing, ambaŭ gvidataj ĉefe de Ĵelezo. Sed laŭ mia opinio li zorgis pri ŝia sorto eĉ post la estiĝo de komunista Ĉinio.

Ĵelezo nome devis forlasi Chongqing printempe de 1941 por iri al t.n. liberigita regiono sub komunista regado. Li mem skribas kion li volis fari por ŝi, en sia sentoplena antaŭparolo al *Verkoj de Verda Majo*, aperinta en 1982 ĉe Ĉina E-Eldonejo (p. 17):

> Antaŭ mia forlaso, mi konsideris la cirkonstancojn de Verda Majo. Tiutempe, la rilatoj inter Kuomintang kaj la Ĉina Komunista Partio jam fariĝis tre streĉaj; minacis tuja rompo. Mi proponis al miaj amikoj, ke ni eldonu verkaron de Verda Majo *en la ĉina lingvo* por eviti eblan disperdiĝon. *Mi celis ĉefe doni al la publiko pli multan kaj pli profundan komprenon pri Verda Majo, tiel ke ŝi, esepereble, trovus sin en pli favora situacio okaze de eventuala kaoso.*" (La elstarigo estas de mi. —*Kurisu*)

Verda Majo mortis nur 35-jara en januaro 1947, tiel ke ŝi ne povis ĝisvivi la naskiĝon de Ĉina Popola Respubliko oktobre de 1949. Tiurilate ŝi estis malfeliĉa, ĉar ŝi estis komunistino. Aliflanke ŝi estis feliĉa, ĉar ŝi ne travivis amaregan disreviĝon en komunista Ĉinio, kie okazis eĉ kelkfoje sorĉistin-ĉasadoj, kulminantaj ĝuste en la Granda Kultura Revolucio, kiu furiozis tra Ĉinio eĉ dek jarojn, de 1966 ĝis 1976. Estas certe ke ĝi estus trafinta ankaŭ Verdan Majon, ĉar ŝi siatempe kunlaboris kun Kuomintango en Hankou kaj en Chongqing. Krom tio ŝi estis japanino. Estas do preskaŭ certe ke ŝi, malsanema, ne estus povinta supervivi la Grandan Kulturan Revolucion, kiu estis ankaŭ ŝovinisma, precipe kontraŭjapana.

Mi supozas ke Ĵelezo antaŭvidis por Verda Majo eĉ tian "okazon de kaoso". Jen kial li estas laŭ mi laŭdinda, eĉ admirinda kaj dankinda.

Ĵelezo estis ne nur e-isto sed ankaŭ latinigisto jam de la antaŭmilita tempo. Ankaŭ Lusin estis arda adepto de latinigo de la ĉina skribo, ĉar li asertis iom antaŭ sia morto eĉ ke Ĉinio pereos, se la ĉinaj ideografiaĵoj estos daŭre uzataj. Sed pri tio eraris Lusin, Ĵelezo kaj ĉiuj ĉinaj latinigistoj, ĉar post la milito la ĉinaj ideografiaĵoj ne nur daŭre vivas, sed eĉ prosperas kiel komunaj literoj por ĉiuregionaj ĉinoj, sed la latinaj literoj apenaŭ vivas kiel fonetikaj signoj.

Tamen lia merito kiel e-isto estas tre granda. Li estis unu el la iniciatantoj de Ĉina Proleta E-ista Unio (ĈPEU), kiu fondiĝis en Ŝanhajo la 3-an de novembro 1931, certe laŭ la modelo de JPEU (Japana Prolet-E-ista Unio). Sed sub la Kuomintanga regado ĈPEU estis dekomence kondamnita al subtera ekzistado. Tiun magian rondon rompis Ĵelezo kaj kelkaj aliaj junaj gvidantoj de ĈPEU kiel Zhang Qicheng (Ĉ. Ĉen) unue lanĉante la 15-an de decembro 1932 legalan E-gazeton monatan *La Mondo* kaj poste la 22-an de januaro 1933 fondante same legalan Ŝanhajan E-istan Ligon (ŜEL), kies organo fariĝis *La Mondo*.

### Modelo por japanoj

Estas interese konstati ke poste japanaj proletaj e-istoj ĉirkaŭ NAKATUKA Kitizi en Kôbe fondis laŭ la modelo de ŜEL popolfrontan E-grupon kun la nova E-gazeto *Marŝu*. Kaj baldaŭ lanĉiĝis, kvazaŭ satelitoj de *Marŝu*, similaj E-gazetoj ankaŭ aliloke: *Frato* en Osako, *Saluton* en Nagojo kaj *Amiko* en Okayama.

La alia merito de Ĵelezo kiel e-isto estis la lanĉado, kompreneble kune kun kelkaj kamaradoj, de poreksterlandaj E-gazetoj: *Ĉinio hurlas* en Ŝanhajo kaj *Heroldo de Ĉinio* en Chongqing, kiuj kun aliaj du similaj gazetoj, *Voĉoj el Oriento* en Hankou (poste en Honkongo) kaj *Orienta Kuriero* en Honkongo, konsiderinde helpis por veki simpation kaj subtenon eksterlande, precipe en Eŭropo, por la rezistbatalado de la ĉina popolo kontraŭ la japanaj invadintoj. Miaopinie tio multe kontribuis al la lanĉo de *El Popola Ĉinio* en majo 1950, apenaŭ sep monatojn post la fondiĝo de la Ĉina Popola Respubliko.

KURISU Kei (Japanio)

*Scienco:*

## AIS en Slovakio kaj San-Marino

Post interkonsentoj pri kunlaboro kun la Teknika Universitato de Bjalistoko (1989), kun la Karla Universitato en Prago (1991) kaj la universitato de Sibiu (Rumanio, 1993), Akademio Internacia de la Sciencoj subskribis, la 16-an de februaro, similan dokumenton kun la Pedagogia Universitato de Nitra (Slovakio). La kontraktantoj reciproke agnoskas la sciencistajn gradojn akiritajn ĉe la alia kaj antaŭvidas starigon de AIS-filio en Slovakio, kie eblos dum universitataj sesioj akiri AIS-gradojn.

Laŭ la "Jarfina Cirkulero" de AIS, la plej grava evento por ĝi en 1993 estis la lupreno de duetaĝa domo en San-Marino. Tiel fine AIS ekhavis propran adreson (Via Piagge Superiore 48) kaj numeron de telefono kaj fakso: +39/378/990-601. ★

*Instruado:*

## Tamen trejnkursoj

La organizaj fortoj kaj financoj de Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj malfortiĝis lastjare. Ĉar prezidinto Stefan MacGill restas nur komisiito pri eldonado, necesos trovi novajn plenumantojn por pluraj liaj ĝisnunaj taskoj. Nelaste pro la okazigo kaj subvenciado de instruistaj trejnkursoj, en 1993 ILEI unuafoje havis deficiton (kvankam malpli ol antaŭvidite: ĉ. 2 700 gld.), kaj la stipendia-subvencia Fondaĵo Szerdahelyi falis de 7 300 al 1 200 gld. Dum la Berlina estrarkunsido de ILEI (11-13. marto) leviĝis la ideo ne okazigi ILEI-konferencon ĉiujare kun granda fortostreĉo, sed nur ĉiun trian jaron en loko kie la organizado estos nepre firma. Aliflanke, la estraranoj ĝoje konstatis ke la ILEI-trejnkursoj donis impeton al aliaj en 1994: okazos porinstruistaj kursoj en San-Francisko (27 jun.-15 jul.), Bouresse (7-12 jul.), La Chaux-de-Fonds (15-24 jul.) kaj Grésillon (21 aŭg.-3. sep; vd. "Kalendaro", marto, p. 49). ★

*Nodoj de nia historio:*

# Simbolo: La stelo kaj la flago

La internacilingva movado estiĝis en la 1880-aj jaroj. La koloro de ĝiaj simboloj estis determinita de la *eŭropa kolor-simboliko* de la 19-a jc., en kiu la espero estis verda. Laŭ klarigo kiun ricevis jam lernantoj de Volapuko: *unu el la koloroj de la "volapuka blazono . . . estas la verda, ĉar ĝi esperas alporti por la homaro la plej grandan benon."*

Post la kolapso de la Volapuk-movado la e-istoj portas plu tiun simbolon, jam dekomence kun troigoj, pri kio atestas konsilo el *La Esperantisto* en 1893: "S-ro L. de Beaufront konsilas, ke la kovriloj de ĉiuj libroj de nia literaturo kaj entute ĉio, kio tuŝas nian aferon, havu verdan koloron kaj portu supre stelon." Sed komence almenaŭ la stelo estis diverskolora (pro la verda fono). Plej ofte aperis kvinpinta *ora stelo*. La oran stelon oni verdigis probable en 1904. La Bulonja Grupo E-ista inventis kiel verdigi ankaŭ la surflagan stelon: en la supra, maldekstra angulo en blanka kvadrato estu verda stelo! Unu jaron poste ankaŭ la unua Universala Kongreso akceptis tiun iniciaton, kaj ekde tiam la flago de la movado estis la verda flago kun verda stelo.

La idistoj decidis ke la Ido-flago estu blua, en la mezo kun la Ido-insigno, t.e. sespinta blanka stelo, kaj ĉirkaŭ ĝi la surskribo: Linguo Internaciona Ido. Pli malfrue en la stelo aperis la vorto IDO, en blanka rando de la insigno la teksto: LINGUO INTERNACIONA DI LA DELEGITARO. [Hodiaŭ *Progreso*, la jartriona revuo de "Uniono por la linguo internacia (Ido)", portas iom modifitan insignon (vd. bildon). – *Red.*] En la jardeko de la grandaj bataloj inter idistoj kaj e-istoj la "fideleco" al la verda, resp. al la blua flago estis tre grava. En Esperantio disvastiĝis ia kulto de verdaĵoj, kelkfoje atingante la signojn de manio.

La kolorpsikologiaj esploroj en la 70-aj jaroj pruvis ke por granda plimulto de la homoj (en ĉiu aĝo kaj sekso) *la plej simpatiaj, plej allogaj koloroj estas la oranĝa, ruĝa kaj blua.* Alia grava regulo, kiun oni starigis por la reklamado: *ĉiu ronda aĵo estas pli simpatia, pli alloga, ol io pinta, akra.* (Pri tio vidu en Esperanto: *Manlibro de varbado*, Günter Conrad, München, 1974 kaj 1977.)




Eĉ sen tio jam amasiĝis la problemoj ĉirkaŭ la verda flago. La verdaj koloro kaj flago jam de longe estis pli konataj kiel tiuj *de la profeto, de Islamo*, kaj ekde la sepdekaj kiel tiuj de la ekologiaj movadoj (*verduloj*).

Rilate la simbolikon de la Internacia Lingvo multaj pli kaj pli sentis la neceson de radikala ŝanĝo, sed ĝis 1986 la movado esence ne povis liberiĝi de la jam tre ĝenaj tradicioj. Nur tiam aperis en la movado nova simbolo de Hilmar Ilton S. Ferreira el Itabuna (Brazilo), kiam la movado estis matura por akcepti kaj ekuzi ĝin. UEA elektis en 1983 la simbolon nur por la Jubilea Jaro, sed ĝia venkiro jam ne estis direktebla.

En 1986 Flandra E-Ligo faris la unuan firman paŝon antaŭen por *renovigi la bildon pri Esperanto*, fuŝitan de la diletanta propagando de "verduloj". FEL la unua forlasis la verdan stelon kaj enkondukis la normalan uzon de la jubilea simbolo sur ĉiuj informaj materialoj kaj objektoj. (Vd. I. Durwael: "Kiel rekrei la bildon de Esperanto?", *Esperanto*, 1991 jan., p. 7.) Ĝian ekzemplon sekvis pli kaj pli da asocioj, gazetoj, eldonejoj kaj privatuloj.

Sed la simbolo por la plimulto de la movadanoj *ne estas racia, sed emocia afero, ligita al tradicioj.* Tiujn oni ne povas transpasi de unu jaro al alia. Tamen, la *elasteco de la identa grafika bildo* ebligas ankaŭ ĝian kombinon kun verda stelo. Se oni ĝuste elektas la kolorojn, per tiu malnova elemento la bildo povas esti pli bunta kaj pli plaĉa.

*La venkiro de Esperanto-simbolo determinis la sorton de la tradicia flago.* Ĉu eble ekardos la diskutoj kaj fermos ilin apero de iu surprize nova, originala flago kun la simbolo de Esperanto?

Árpád Rátkai (Hungario)

# Bálint: 150 jarojn

Gábor Bálint (1844-1913), naskita antaŭ 150 jaroj, la 13-an de marto, en Szentkatolna (nun Catalina, en Rumanio), estis la unua hungara esperantisto. Lingvisto, esploranto pri la rilatoj inter iuj aziaj lingvoj kaj la hungara, li aŭdis pri Esperanto en 1890, kiam li profesoris pri la araba kaj la novgreka en Ateno. Li lernis la lingvon en 1897 kaj, interŝanĝinte leterojn kun Zamenhof, Beaufront kaj Moch, ekinstruis ĝin en la sama jaro en la universitato de Kolozsvár (nun Cluj), kie li donis lekciojn pri 13 lingvoj. Lian kurson partoprenis i.a. Ábel Barabás (1877-1915), kiu jam en 1898 eldonis la unuan E-lernilon por hungaroj.

Laŭ Bernard Golden ("Kiu estis d-ro Gábor Bálint?", *Heroldo* 1992/7, p. 3) ". . . Bálint apartenas al tiu malgranda nombro de esperantistoj,




kiuj atingis eminentan pozicion en la propra profesio kaj poste . . . decidis apogi la lingvon kaj ĝian ideologion. . . . Li estis la *unua* profesoro kun katedro, kiu . . . lernis kaj instruis la lingvon."

Jenő Zágoni (Hungario)

# Forumo



## Kvar tezoj por modernigo



La pretendo de la Esperanto-movado profunde ŝanĝi la mondon ne estas kongrua kun ĝia praktika agado. Ĉiu agado kiu baziĝas sur malĝusta bildo de la ekstera mondo, de ĝiaj eblecoj kaj malhelpiloj, estas senutila kaj ne povas rezultigi ion alian ol fiaskon. Bedaŭrinde la plej multaj strategioj de esperantistoj baziĝas sur maltaŭga bildo de la situacio en kiu la E-movado estas devigata agi.

Stimulite de la strategiaj diskutoj okaze de JAZEF (Jarfina kaj Zamenhofa Festo) en Lepsiko, mi starigis kvar tezojn, kiuj jam aperis en *Esperanto aktuell*, la revuo de la Germana E-Asocio, en la germana lingvo.

La kvar tezoj estas:

1. La E-movado kutimas batali sur kampoj kie ekzistas aliaj, pli fortaj grupoj malamikaj al Esperanto. Tial la kondiĉoj estas malfavoraj kaj oni perdas forton kaj tempon en sensukcesaj bataloj por atingi etajn progresojn.
2. La E-movado perdas sian forton defendante jam atingitajn poziciojn kiuj ne plu indas la penon. Laborfortoj kaj monsumoj, pli bone utiligeblaj aliloke, estas perdataj.
3. La E-movado ne plu troviĝas inter la plej progresemaj sociaj movadoj.
4. La E-movado tro alte taksas la gravecon de ŝtataj strukturoj, malgraŭ ke ili perdas sian rolon, ĉefe se temas pri la financado de sociaj aferoj, kie la graveco de privataj strukturoj kreskos.

### Vanaj bataloj

Pri 1. Ekzemplo: la eterna batalo por akiri la agnoskon de Esperanto en la oficialaj lernejoj. Ekzistas potencaj organizoj de la instruistoj pri fremdaj lingvoj, kaj e-istoj estas malofte troveblaj tie. La instruistoj kompreneble timas perdi sian influon, eĉ postenon, se Esperanto estus vaste instruata. Tial ili komprenas Esperanton kiel atakon.

La alternativo estas pligrandigi la aktivadon en kampoj kie la lingvo Esperanto estas bonvena kaj akceptata. Neniu povas malhelpi al la E-movado instrui sian lingvon en privataj infangardejoj, laŭeble en la multkulturaj, kie troviĝas infanoj kun diversaj lingvoj. Per la eŭropa unuiĝo kreskos la lingvaj problemoj de tiuj grupoj kiuj ne povas pagi por samtempa tradukado, sed estas devigataj labori internacie. Neniu povas malpermesi al la E-movado pli aktive ekagi inter ili. La Radikala Partio en Italio montras ke ĝuste malgrandaj partioj povas esti malfermitaj al la ideo de internacia lingvo. Se la tradiciaj partioj daŭrigos perdi la fidon de la voĉdonantoj, la logika paŝo por la E-movado estu plej frue eklabori en la kadro de la novaj partioj.

### Ĉu persisti ĉe ŝtataj radioj?

Pri 2. Oni petas helpi al la daŭrigo de la radio-elsendoj en Esperanto. La elsendoj sur mallongaj ondoj estas postrestaĵo el historiaj tempoj, kiam ili estis la sola eblo por transnacia komunikado. Nuntempe la vasta publiko en Okcidenta Eŭropo kutimas je la kvalito de ultrakurtaj ondoj, kaj tiajn elsendojn oni povas hodiaŭ ricevi per satelito. La prezoj por la necesaj antenoj kaj riceviloj ne plu estas pli altaj ol por bona mallongonda ricevilo.

La naciaj radiostacioj ĉiam estas laŭtparolilo de la koncerna ŝtato, kies interesoj ne ĉiam kongruas kun la internaciaj intencoj de la E-movado. Ke la ŝtatoj ne tro alte taksas la valoron kaj influon de E-elsendoj, kaj juĝas ilin tro kostaj, estas pli kaj pli videble.

La alternativo estas garantii la voĉon de Esperanto en la aero per "privataj" satelitaj elsendejoj, ekzemple de eklezioj kaj lingvaj minoritatoj. ("Privata elsendejo" ne signifas ke ĝi funkcias profitcele, kvankam ĝi povas enspezi siajn kostojn per reklamo.)

### Verdaj nebatalantoj

Pri 3. Krom en la unua periodo ĝis 1914, la E-movado ne estis parto de la socia avangardo, ne estis inter la homoj kaj sociaj grupoj kiuj antaŭenpuŝis la socion. Daŭras kutime dek jarojn ĝis la sociaj ŝanĝoj aŭ novaj ideoj atingas la E-movadon. Nur unu ekzemplo: Kiam la pacmovado en Okcidenta Eŭropo havis sian kulminon (1975-1985), la oficiala E-movado ne okupiĝis pri ĝi. UEA malkovris la temon kiam tiu pacmovado ne plu ekzistis kiel tia.

### Per adaptiĝo al merkata rolo

Pri la kvara tezo: Mi volas instigi ĉiujn okupiĝi pri ĉi tiu temo, ne ĉar mi favoras la privatigon, sed ĉar mi vidas ke ĝi estos la tendenco de la venontaj jardekoj. Se la E-movado volas ludi rolon sur la merkato, ĝi ne povas konservi iujn ŝatatajn tradiciojn.

Por la praktiko tio signifas ke oni ellaboru koncepton por instrui Esperanton en privataj lingvolernejoj anstataŭ resti fiksita al la publikaj popol-altlernejoj, kiuj ricevas ĉiam malpli da financa subteno, kiuj malalte pagas la instruistojn, kaj kies kondiĉoj estas mizeraj. La E-movado devas kontakti firmaojn kaj bankojn, kiuj kutime posedas tre bone ekipitajn salonojn, anstataŭ sin kaŝi en aĉaj junulcentroj. Kompreneble oni devos akcepti ke la firmao metos sian reklamon sur la afiŝojn kaj informilojn.

La E-movado ne esperu ke iu ŝtata instanco transprenos la financan subtenon de la urĝe bezonataj scienca biblioteko kaj interlingvistika dokumentejo. Tute male: oni fondu privatan fonduson kiu provu akiri monon el plej diversaj fontoj. La unuiĝinta Eŭropo donas la eblon fondi entreprenojn en la lando kie la kondiĉoj estas la plej favoraj. La E-movado disponas pli bonan internaciecon por utiligi la favorajn kondiĉojn de la diversaj landoj ol iu nacia entrepreno.

Roland Schnell (Germanio)

# La ĉefa tasko de UEA estas la disvastigo!



La strukturo de UEA kaj de la landaj asocioj (LA-oj) en la praktiko elformiĝis ĉefe por subteni la praktikan aplikadon de Esperanto. Tion celas la Delegita Reto, la diversaj servoj, la eldonagado, la aranĝoj ktp.

Post la reĝimŝanĝo en Orienta Eŭropo, la LA-oj (do ankaŭ UEA) perdis grandan parton de sia membraro. Pro la kresko de vojaĝkostoj kaj pro la neeblo de la antaŭa "konsumstila" esperantado, radikale ŝrumpis la movada aktivado. Pri similaj evoluoj oni plendas ankaŭ en aliaj mondopartoj, sed la strukturo de UEA ankoraŭ ne estas adaptita al la ŝanĝiĝintaj cirkonstancoj.

**Diablaj, sed rompeblaj cirkloj**

Pro la malkresko de la nombro de esperantistoj (= de "servo-konsumantoj"), post atingo de iu kriza maso, pro simplaj ekonomikaj kialoj malkreskas la nombro kaj kvalito de diversaj servoj, kio kaŭzos plian malkreskon de la aplikantaro.

Pro la nesufiĉa kvanto kaj kvalito de la alekstera propagando ne venas pozitivaj reagoj el la medio. La manko de ekstera agnosko malebligas aŭ malfaciligas la ricevon de diversaj subvencioj, kiujn aliaj sociaj aŭ kulturaj movadoj tre bone utiligas.

**Ni devas dufronte labori!**

En la strategia planado oni devas strikte apartigi la movadon (= disvastigo, propagando) kaj la komunumon (= interna E-vivo, enmovada aplikado de la lingvo).

Ĝis nun — ne oficiale, sed en la praktiko — la ĉefan prioritaton havis la aplikado de la lingvo. La ĉefa varba argumento estis la tuja, mondskala aplikeblo de Esperanto. La neplenumitaj promesoj, la ofte malalta nivelo de la servoj (renkontiĝoj, bultenoj ktp) kaj de la instrua praktiko (oni kun kelkaj esceptoj instruis ĉefe nur la lingvon, sed ne la esperantismon — mankas la konscia edukado esti esperantisto) kaŭzis ke plejmulto de la kursfinintoj ne restas en la movado.

Ni devas dufronte labori. Unuflanke ni devas zorgi pri la plialtigo de la servo-nivelo (gardo de la ĝisnunaj e-istoj), aliflanke ni devas turni nin al la ekstera propagando por akiri eksteran pozitivan rekonon (rompi la "diablan cirklon").

En la komenca paŝo, ni devas fiksi la teorian bazon: Esperanto estas ĉefe ideo, la celo de UEA estas disvastigi ĝin. Ĝi signifas ke pro nia senŝtateco la realiĝo dependas nur de la esperantistoj mem, do necesas ĉies partopreno en la movado. Tiu ĉi devas esti la bazo de niaj varbaj argumentoj, kiuj mencias (ankaŭ) ke ene de la movado la lingvo jam plurterene bone utiligeblas. Donas pli da rezulto allogi kunlaboremajn homojn ol seniluziiĝontajn aplikontojn . . .

**Pli konscian instruadon!**

Eĉ ĉe la nuna nivelo de propagando konstante alfluas novaj e-istoj. Tamen post la kursoj la plejparto malaperas. Ni agas kontraŭ ni mem, se la lernolibroj ne enhavas devige (!) ĉapitrojn pri la historio de E-o, la movada strukturo, E-servoj, adresoj ktp! Jam dum la kurso la gvidanto zorgu abonigi la lernantojn al iu internacia movada gazeto. Tio ebligas al la kursfininto ne forgesi la lingvon, ricevi daŭran instigon por okupiĝi pri Esperanto, havi freŝajn informojn pri la movadaj eventoj kaj servoj.

**UEA estas nia organizo!**

UEA reale estas iu loza aro de E-grupiĝoj. Laŭ la nuna strukturo ĝi ne estas organizo por plenumi iun celon, sed amasorganizo inter kies membroj funkcias nur informinterŝanĝo. La landaj asocioj *ne* estas filioj de UEA, ja ili estas tute memstaraj. La Komitato, krom pri administraj internaj aferoj, fakte havas nenian potencon kaj decidpovon, ja la landaj asocioj ne estas devigataj plenumi iun ajn decidon. Se UEA (ĉu la Estraro, ĉu la Komitato) ekdeziras lanĉi iun kampanjon, ĝi simple ne havas eblon plenumi ĝin pro manko de strukturo. Ni devas decidi kion ni volas.

Unu eblo estas ŝanĝi la decidsistemon. La LA-oj havu du kategoriojn: plenrajtan kaj observan. Plenrajta LA havu voĉdonrajton, sed la komunaj decidoj (pri movad-organizaj aferoj, kampanjoj, eldona agado, agoj kontraŭ piratado, membrosistemo ktp) estu por ĝi devigaj. Se iu LA ne plenumas la komunajn decidojn, ĝi iĝos observanta membro.

Alia eblo estas gardi la nunan strukturon, kaj paralele elformi novan reton de aktivuloj, kiuj devigas sin plenumi taskojn, ricevitajn de centra respondeculo. Tia aktivula reto povas tre bone funkcii, kiel montras la ekzemplo de "rebata servo" ĉe kelkaj organizoj, aŭ la agado "centra artikolo" de la Informa Fako de UEA.

La UK-oj, kiel la plej grandaj publikaj manifestiĝoj, estas tradicie necesa parto de la movado. Tamen oni devus foje pripensi: ĉu la nuna formo taŭgas ankaŭ kiel labora kongreso de esperantistoj? Dudekhora komitatkunsido certe sufiĉas nur se la Komitato estas formala instanco.

UEA tenas kontaktojn kun ĉ. 40 "fakaj asocioj". Plejmulto de ili plenumas nur la taskon "registri la samfakulojn" sen aparte zorgi pri faka aplikado aŭ pri disvastigo de E-o en sia faka tereno. Ĉu oni ne devus repensi la celon kaj la estonton de tiu agado? Fakte la fakaj asocioj devus funkcii kvazaŭ specialaj komisionoj kiuj plenumas la bazajn celojn de UEA en sia tereno. Sed por atingi tion, oni devus respondi al la demandoj: kiel rilati al ili, kaj kio estas necesa por ke ili povu plenumi la celojn (taskojn . . . ).

**Ĉefa rolo de UEA**

Plejmulto de la esperantistoj konscias ke komuna agado donas kvalite pli altajn rezultojn ol individua. Pro tio multaj aktivuloj, eĉ landaj asocioj, atendas iniciatojn (eĉ instrukciojn) de UEA. La tasko de UEA estas ĝuste tiu iniciatado, lanĉo de komunaj agoj, de kampanjoj kaj eventuale disdono de taskoj. Sed tiuj aferoj estas nerealigeblaj ĉe la nuna strukturo.

**László Szilvási (Hungario)**

# Reagoj



## La ĉina iluzio

D. J. Harlow volas vidi la ĉinan kiel la alian internacian lingvon en la 21-a jarcento (apr., p. 75). Sed kiom da homoj entute parolas la "ĉinan" en tiu ĉi mondo?

Unue, 6,7% de la popolo en Ĉinio estas ne-ĉinparolantoj, sed denaskaj pri la tibeta, ĝuanga aŭ alia neĉina lingvo. Due, la "veraj ĉinparolantoj" dividiĝas lingvistike en minimume ok apartajn lingvogrupojn, kiuj siavice dividiĝas en dialektojn. Diversregionaj ĉinoj apenaŭ povas interkompreniĝi, ĉar la strukturo kaj vortprovizo de la lingvoj tro malsimilas. Do, meti ĉiujn "ĉinparolantojn" en unu poton neniel pravigeblas.

La iluzio pri la amasa uzado de la "ĉina" devenas el la vasta, sed ne tutlanda, uzo de la *skriblingvo* kiu havas malmulton komunan kun la elparolo. La oficiala t.n. *mandarena*, en si mem artefarita lingvo, uzeblas malpli ol supozate, kaj apenaŭ parolatas denaske.

**Sabira Ståhlberg (Germanio)**

## La noosfera idento de Esperanto

La (ŝajne) serioza argumentado de Tonkin surbaze de (ŝajne) potenca Esperanto ("Ĉu nur kultivi nian ĝardenon?", feb., p. 22) pretervidas ke paco, homaj rajtoj kaj demokratio ne plu sufiĉas kiel motivoj por la utiligo de ILo. La scia homo nun survojas al findetruo de sia planedo per pli kaj pli pacaj, homrajtaj kaj demokratiaj (!) metodoj. Kaj en tio E-o ludas sian partan rolon, ĉar tio kion oni praktikas per ĝi estas kaj restas simile detrua por la strukturoj de la vivaĵo kiel la praktikoj de iu ajn alia lingvo.

Laŭ la Gaia-teorio de Lovelock la Tero estas memreguliga viva sistemo, kiu eĉ je la kosto de la homa specio supervivos. La pereo de la homa socio estus kvazaŭ "nur" memreguliga afero de la Planedo. El tio kaj el aliaj sciencaj pruvoj konkretiĝis la noosfera idento de la homo, idento kiu rilatas al la homa spirito kiel al parto de integra biosfero. Ni e-istoj devus sufiĉe frue adapti nian internacian lingvon al tio, ĉar nur tiagrade kiom la esperantismo transprenos la noosferan identon de la homo, ĝi havos ŝancon esti pli ĝenerale akceptata.

La nova noosfera idento de Esperanto komprenas ILon kiel imanente mediokonforman primaran preventilon kaj havas du aspektojn:

1. La imanenta socia prevento, ĉar E-o pro sia naturo ne permesas naciajn, etnajn, kulturajn ktp. egoismojn, kio servas imanente la pacon, la homajn rajtojn kaj la homan bonon (kvalita aspekto).

2. La imanenta materia prevento, ĉar E-o pro sia naturo reduktas lingvon kaj komunikadon je ilia esenca, kompetenta minimumo kaj pro tio malgrandigas imanente la planedan entropion.

**Wolfgang Günther (Germanio)**

## Socia disciplino

En 1989 la Akademio de Esperanto aprobis liston de lando-nomoj, kiuj devas esti konsiderataj oficialaj kaj normaj formoj. En tiu listo la kongreslando por 1994 estas "Koreo".

Mi ofte legis en la korea revuo *La espero* diskutojn pri la formo de tiu landonomo. Siajn argumentojn prezentis pluraj elstaraj koreaj e-istoj, inter kiuj ankaŭ la nuna UEA-estrarano prof. So Gilsu. Ili argumentis por "Koreio" aŭ "Koreujo", nur ne "Koreo". Mi ne komprenis tiujn argumentojn, kvankam mi atenteme legis. Fine mi konstatis ke temas pri neskribita subkompreno, proksimume tiel: Ĉinio kaj Japanio finiĝas je "-io" (aŭ iom arkaike je "-ujo"), do ne dignas ke Koreo ne havu la saman finaĵon. Por mi tio estas neakceptebla, ĉar la digno de la lando ne fontas el ĝia lingva formo, sed el la situacio kiun tiu lando ĝuas en la mondo.

Se la Akademio aprobis liston de lando-nomoj, la movado tion devas respekti. La Akademio ne havas kanonojn por defendi sian decidon, sed la movado devus havi socian disciplinon kaj sekvi senescepte la proponon de sia plej altranga lingva instanco.

**Emilija Lapenna (Kroatio)**

# Recenzoj

## Viktimoj inter ni

**La nokto de la ezoko.** Serĝo Elgo. Prilly: LF-Koop, 1992. 171p. 20cm. 28,50 gld.

*La nokto de la ezoko* oni povas nomi krimromano. Ĉu ekzistas, fakte, pli granda krimulo ol milito? "Malpura estas la milito . . ." (p. 94). Pri milito temas la dua romano de Serĝo Elgo. Pli precize, pri postmilito kaj pri militviktimoj kiuj vivas inter ni.

Unu estas Fredo Lapaso, naskiĝinta dum la dua mondmilito. Viktimo estas li plurflanka: senpatrina (onidire, lia panjo sufiĉe kokrinte sian edzon forfuĝis kun alia viro), filo de perfidinto dummilita (denove laŭ onidiroj, lia paĉjo kaj ties kamarado perfidis taĉmenton de partizanoj buĉotan de nazioj), plue viktimo de premsonĝe revenanta bildo vidita kiam li estis eta infano, kaj plie viktimo de junaĝa misfaro. Tiuj enigmoj, kiuj plurflanke viktimigis Fredon, deĉifrendas. Kaj ĝuste tion provas Serĝo Elgo sur ĉ. 170 paĝoj verkitaj en stilo facile legebla.

Ne mankas en ĉi ĝuebla verko psikologio, idilio kaj erotiko — kaj kelkaj neologismoj (*brendoj, kolaboratoro, komandaturo, kalvadoso,* klarigitaj librofine), kiuj por mi montriĝis senproblemaj, eĉ bonvenaj.

Iom da malbonvenaj tajperaroj ĝenetas fluan legadon. Ekzemple, la mankantan *ĉi* en "Mi naskiĝis en tiu [ĉi] vilaĝo" (p. 8) mi ne sukcesis retrovi. Interŝanĝe mi retrovis en ĉi libro ion alian — min mem.

La premsonĝoj de Fredo Lapaso estas io familiara por mi: ĝis hodiaŭ mi sonĝas la manaĉon kiu turmentis min dum jardeko, tiun de certa sekreta polico kaj ĝiaj "kolaboratoroj". Oni ja pro onies kaj alies diraĵoj viktimiĝas kaj suferas, kaj kiam oni malkovras la veron, ĝi apenaŭ valoras ion. Kaj tamen . . . *zwischen uns sei Wahrheit* (vero estu inter ni) (Goethe).

**Ionel Oneţ (Rumanio/Usono)**

# Rakontoj de patriarkeca avĉjo

**Maks rakontas.** Maximilien Trenner. Parizo: Gabrielli, 1989. 100p. 21cm. 16,80 gld.

En patriarkeca familio la maljuna familiestro dum komuna vespermanĝo aŭ festotago rakontas al siaj hejmanoj edifajn historiojn el sia vivo aŭ ion alian, taŭgan laŭ li por eduki siajn posteulojn . . . La familio kaŝe oscedas, sed pro la respekto pacience ŝajnigas intereson al mallertaj kaj ne ĉiam sinsekvaj rakontoj . . .

Tia bildo naskiĝis en mia imago kiam mi tralegis la libron *Maks rakontas*, konsistantan el 83 mallongaj edifaj historietoj. La impreson plifortigis iom arkaika lingvaĵo kaj oftaj lingvaj malĝustaĵoj kiel neĝusta uzo de akuzativo k.s.

La libro estas elpensita kiel legolibro por progresantoj, por ke ili lernu "legi flue Esperanton kaj speciale paroli en ĝia sento". Nu, al progresantoj la libro estas "speciale" ne rekomendenda pro la menciitaj lingvaj fuŝaĵoj; krome, en la senrezerva teknokratismo kaj primitive esprimita ateismo de la aŭtoro, kiu — malgraŭ sia "maldekstreco" — alvokas severe, eĉ permorte puni krimulojn, mi ne vidas ian ligon kun la "sento de Esperanto".

Unu freŝan ideon mi tamen en la libro trovis. La aŭtoro asertas ke E-o, kiel aliaj gravaj inventaĵoj de la homo, disvastiĝos ne per "paperaĉoj de 'PACMOVADOJ'", sed kiam pri ĝi ekinteresiĝos kaj ĝin uzos por sia profito militestroj ("Esperanto, la internacia lingvo", p. 48-49). Pripensinda ideo . . . Sed ĝenerale la libro tute ne valoras penojn por ĝin legi.

**Nikolao Gudskov (Rusio/Hungario)**

# Interesaj mikroromanoj

**Sonĝe vagi.** Julian Modest. Sofio: Pres-Esperanto, 1992. 62p. 19cm. 12,00 gld.

Nekontesteble Julian Modest estas aŭtoro kiu scias peri rakonton. Rakontisto mi lin nomus eĉ pli ol literaturisto. Dum oni legas, li scias sorĉkapti la atenton.

En la nuna kolektaĵo kuniĝis rakontoj de pluraj ĝenroj. Unuflanke la tute simpla, rektlinie perita anekdoto, foje ŝerco: "La edzo, kiu leviĝis" ludas pri la dusenceco de *leviĝi*. Aliaj estas kion la nederlanda verkisto Couperus nomis "miniaturaj romanoj": enestas tuta evoluo de homa karaktero, pluraj personoj plurnivele pentritaj, sugestiado de identeco, kiu jes aŭ ne povas esti ĝusta ktp; mi pensas ekzemple pri la majstre verkita "Ina".

Same plurtavola estas "Kiu vi estas" — bele filmebla, miatakse. Kelkfoje la aŭtoro tuŝas, kvankam netrude, sociajn demandojn. Ekzemple pri la nuna situacio en Bulgario: tuta familio kiu laŭaserte ekferias, sed hejmen resendas la revenbiletojn de la aviadilo ("La forbruligo de la pontoj").

Sed pleje restas en mia memoro la mallongaj kvazaŭ-skizoj, kiuj temas pri grava momento en iu hom-vivo: la tenere komenciĝanta amhistorio "La surprizo"; la intence iom enigme vortigita "La sekreto de sinjorino Lunk", kiu montriĝas tragedio neniel atendita de la leganto; la averta historio pri Fred, "Eta ŝerco", kiu pruvas ke pri amo, pariĝo kaj divorco oni ne ŝercu.

Entute: libreto kun tre legindaj noveloj. Enhave.

Ĉar kun bedaŭro mi devas aldoni: stile kaj lingve mi kutimas legi pli bonnivelajn tekstojn de Julian Modest. Ĉu kulpas senzorga redaktado aŭ rapidemo ĉe la pretigado de la libreto? Min vere ĝenis slavismo, kiu tra la tuta verko daŭre ripetiĝas: la neuzado de pronomoj kiuj devus roli subjekte, de la tipo: "Fred vekiĝis kun la sento, ke [] sonĝis belegan sonĝon, sed tute ne memoras ĝin." Mi atentigas ankaŭ pri la plurloke uzata "preskaŭ ne" anstataŭ "preskaŭ", "nur kun ega peno ne" (ekz. p. 17, 23, 27, 40 k.a.). Preseraroj bedaŭrinde oftegas, kvankam neniam ĝenaj por la kompreno.

**Gerrit Berveling (Nederlando)**

# Brila tendarfajro

**Oni ne pafas en Jamburg.** Mikaelo Bronŝtejn. Moskvo: Impeto, 1993. 132p. 20cm. 15,00 gld.

Movada romano povas soni kiel tedaĵo — sed ne estas, se ĝi temas pri la junulara movado en la Sovetio de la 70-aj jaroj. Nur en la lasta tempo oni ekster Eks-socialismio iom post iom konsciiĝas pri la kelkrilate tute unika Esperanto-movado evoluinta en tiu izolita sesono de la tersurfaco kiun oni longe nomis Sovetio.

Mikaelo Bronŝtejn scias pri kio li verkas — multo en lia romano estas membiografia. En eks-Sovetio oni de longe ĉie konas lin kiel poeton kaj kantiston, sed ankaŭ kiel unu el la ĉefaj aktivuloj de la (junulara) movado. En la vere legenda rakontaro *Legendoj pri SEJM* [rec. 1993, p. 134] li priskribis siajn movadajn spertojn, kaj la saman temaron li utiligas ankaŭ en *Jamburgo*. Eblas eĉ rekoni lin mem en Jefim Trosman, la bardo kaj poeto el Tiĥvin.

Ĉeestas en la rakonto same la idiliaj momentoj de la someraj Esperanto-tendaroj kiel la persekutoj de la Komitato de Ŝtata Sekureco (KGB) — ankaŭ en la vero ĉiam nomita, pro atentemo, nur KŜS de la sovetiaj esperantistoj. Vere interesa por la neekssovetia leganto la romanon tamen igas unuavice la foje vere brilaj priskriboj de nedramaj, preskaŭ ĉiutagaj situacioj, kiuj tamen perfekte spegulas la etoson de la epoko. De la vizito de finna delegitaro kiu anticipe profunde tedas la urban moŝtaron ĝis la absurda "kunlaboro" kun la kontraŭesperantaj oficialaj instancoj, ĉio estas samtempe ridiga, pensiga kaj kompreniga.

Krom la unikaj spertoj vere evidentiĝas la beletra talento de Bronŝtejn — malofte mi legis E-romanon kun tia ĝuo kiel *Jamburg*on. Ĉefe oni fakte bedaŭras ke la libro tiel baldaŭ finiĝas, ĉar ĝi enhavas nur 130 paĝojn, sur kiuj intereskapte interplektiĝas la amika atmosfero de la esperantistaj tendarfajroj kaj la griza monoliteco de la potenculoj. Kontraŭ tiu fono Bronŝtejn reliefigas la ĉiutagan, sed ne seneventan vivon de sia esperantista protagonisto, komence bonkreda sed ĉiam pli dubema



sincera partiano. El liaj proksimaj amikoj unu mortigas sin pro la persekutoj de KŜS, dum alia konsentas dungiĝi ĉe la sama instanco.

La lingvaĵo de Bronŝtejn estas flua kaj krea, pli-malpli libera de la idiomaĵoj kiuj, pro la ĝisnuna izoliteco de la sovetia movado, abundas en rusiaj eldonaĵoj. Kelkaj strangaĵetoj tamen enŝteliĝis, ekzemple *nome* anstataŭ *ĝuste*, *precize*. Ankaŭ *ni kun vi* anstataŭ *ni du*, *vi kaj mi* povas konfuzi neiniciton.

La libro estas bele kaj profesiece eldonita de la nova Moskva eldonejo Impeto, kiun fondis la laborantoj de la E-sekcio ĉe la granda ŝtata firmao Progreso. La kolora kovrilo kaj la preskvalito klare superas la mezuman rusian, kaj ankaŭ la mezuman esperantian. Do, vere ne estas iu kialo ne havigi al si la libron. Vi legos ĝin en unu vespero.

Kalle Kniivilä (Finnlando)

# *Laste aperis...*



**En skribita lumo. Światło zapisane.** Stanisław Leon Machowiak. El la pola trad. Halina Kuropatnicka-Salamon. Murowana Goślina: Bywatel, 1993. 41p. 21cm. Dulingva poemaro (E-pola). 4,80 gld.

**Esperanta terminaro de fiziko. Esperanto-japana-angla.** Komp. H. Katsumori, S. kaj J. Makino. Kasugai: Chubu Univ., 1992 (2-a rev. eld.). 197p. ISBN 4 9900082 1 9. 21cm. Terminoj ordigitaj laŭ la tri lingvoj. 15,00 gld.

**Esperanto – Língua Internacional Neutra Auxiliar.** Homarano. En la portugala. Rio de Janeiro: SES Lorenz, 1994. 36p. 21cm. Prezento de E-o en dialoga formo. 1,50 gld.

**Evangelio kopta laŭ Tomaso, La.** El la kopta (pere de aliaj lingvoj) trad. Gerrit Berveling. Breda: Voĉoj Kristanaj, 1994. 16p. 21cm. Apokrifa kolekto de diroj de Jesuo. 3,30 gld.

**Homaranismo - La interna ideo.** Délio P. De Souza (1918). Rio de Janeiro: SES Lorenz, 1994. 81p. 21cm. Analizo de la religiaj ideoj de Zamenhof. 8,10 gld.

**Humuraĵoj.** W. H. Simcock (1918). E-Societo de Norda Kimrujo, 1994. 24p. 21cm. Tradukoj el Mark Twain, J. K. Jerome, S. Leacock; skeĉoj kaj anekdotoj. 5,40 gld.

**Jen nia mondo.** J.C. Wells k.a. Adaptis Nino Vessella. Pisa: Edistudio, 1992. 56p. ISBN 88-7036-049-0. 21cm. Inkluzive de kasedo. Itallingva adapto de la konata angla lernilo. 28,50 gld.




**Kemia kaj scienc-teknika vortaro. Esperanta*angla*germana.** Doug Portmann (1953), Donald Rogers (1948). Naperville: DP, 1993. 295p. 28cm. Pli ol dek mil kapvortoj. Kun plena indekso angla kaj germana, la perioda tabelo, klarigo de la metra sistemo (SI) ktp. Ringe bindita: 43,50 gld. Bindita: 87,00 gld.

**Rakontoj el Vukovar.** Siniša Glavašević (1960-1991?). El la kroata trad. Julijana Rusić. Zagreb/Osijek: KEU/Liberiga Stelo, 1993. 43p. 21cm. Lirikaj rakontoj de radio-ĵurnalisto pereinta ĉe Vukovar. 9,90 gld.

**Religia literaturo en Esperanto.** Karl-Olof Sandgren (1925-1990). Red. Leif Nordenstorm. Boden: Nordenstorms förlag, 1994 (2-a eld.). 136p. ISBN 91-971004-2-0. 21cm. Ĝisdata, neformala bibliografio de E-lingvaj eldonaĵoj pri pli ol cent religioj, kun koncizaj kronikoj pri ties historio kaj ligo kun E-o. 18,30 gld.

**Sen pardono.** Claude Piron (1931). Vienne: Pro Esperanto, 1994. 20p. ISBN 3-85182-013-4. 21cm. Dulingva, komentita legaĵo por franclingvaj komencantoj. 3,90 gld.

**Traduku!** William Auld (1924). Dollar: la aŭtoro, 1993. 24p. 21cm. 14 komentitaj tradukekzercoj el la angla en E-on. 3,00 gld.

**DIVERSAĴOJ**

**Kasedo: Kantoj el himnaro Esperanta.** Kantas Bil Munsil. Yarnell: la aŭtoro, 1992. Kun tekstofolio. Naŭ kristnaskaj himnoj en po du variantoj. 24,00 gld.

**Kravattenilo: N-ro 4.** Orumita arĝento. Kun la jubilea simbolo kaj verda stelo. Larĝo 55 mm. Amsterdam: Vega Design, 1993. 44,40 gld.

**Vidbendoj: Malto.** Reĝ. Roman Dobrzyński (1937). Varsovio: Interpress, 1994. VHS-PAL. 30 min. 45,00 gld.

**Spuroj de la avo.** Reĝ. Roman Dobrzyński. Varsovio: Interpress, 1994. VHS-PAL. 30 min. Vizito de L.C. Zaleski-Zamenhof al urboj en Pollando, Litovio kaj Bjelorusio, kie vivis lia avo. 60,00 gld.

*Esperantologio:*

## Azia rigardo

La esperantologian konferencon kiu kutime okazas dum la UK, ĉi-jare preparas grupo de koreoj: d-ro BAK Giŭan, HO Song kaj KIM Uson, helpate de LEE Jung-kee, sekretario de LKK. Ili elektis la temon "Esperanto el azia rigardo". La 29-an de julio antaŭtagmeze oni aŭskultos prelegojn pri lingvistikaj studoj dum ĉ. tri horoj, kaj posttagmeze simpozi-forma diskutado pri ne pure lingvistikaj studoj daŭros same tri horojn. Pri la enhavo de la konferenco la grupo raportos post la UK kaj broŝure ĝin eldonos.

La grupo bonvenigas ĉiujn interesitojn kaj atendas ĉiajn konsilojn. Tiuj kiuj deziras partopreni kiel preleganto aŭ simpoziano, estas petataj kontakti la prepargrupon ĉe Korea E-Asocio, C.P.O. Kesto 4258, Seoul 100-642 (tel. +82/2/614-57-84, faks. /614-57-85), aŭ ĉe HO Song, Chamsil Chugong apt. 345-303, Chamsil 3-dong, Songp'a-gu, Seoul 138-223, Koreio (tel/faks. +82/2/786-45-19). ★

# Foliume

**Ĉinio: Literatura almanako**

Post unua numero en 1986 (134 p., 4,50 gld. ĉe la Libroservo de UEA), la almanako *Esperanta Literaturo* el Ĉinio (ĉefred. Cicio Mar) liveris siajn numerojn por 1992 (183+91 p.) kaj 1993 (59 p.). Adreso: P.O.K. 9204 Shashi, Hubei.

**Francio: Pirona defio**

Kiel raportite en marto (p. 41), aperis ĉe la konata Pariza eldonejo L'Harmattan la libro *Le défi des langues* (La defio de la lingvoj) de Claude Piron, analizo pri la "babelismo" de nia socio kaj pri la neglektata solvo Esperanto. Dum la oficiala lanĉo la 26-an de marto en plenplena salono centre de Parizo, la aŭtoro (vd. dekstre) verve kaj lerte prezentis sian verkon al tre interesita publiko, kiu reagis per amaso da demandoj kaj postulis aŭtografojn dum tuta horo. (C. Nourmont)

**Songazetoj: Dokumente kaj prezente**

En *Esperanta Songazeto* n-ro 11 (1993) de LF-Koop (CP 232, CH-6830 Chiasso 1, Svislando) ni aŭdas i.a. intervjuon kun István Szerdahelyi el 1982, sondokumenton pri Zamenhof-festo kun Raymond Schwartz kaj la novelon *La ĉampionegoj* de Dino Buzzati en radio-adapto de Giorgio Silfer. La n-ro 7 (aŭtuno 1993) de la jarduona *Najtingalo* de Reza aŭdigas ĉinan kaj Esperantan muzikon, sin prezentas japanaj infanoj kaj usonaj indianoj, kaj Trevor Steele recenzas *La bona lingvo* de Claude Piron. Jarabono (2 n-roj) 40 gld. ĉe UEA; ĉe Japana E-Instituto (Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tôkyô-to, 162, Japanio) eblas mendi kompletan tekston de la kasedoj por po 5 gld.

**Japanio: Beletraj riveroj**

"Se en la okcidento estas Fonto, nun en la oriento estas Riveroj!" — gratulas akademiano Laŭlum el Pekino la aperon de *Riveroj*, kvaronjara "interkultura revuo en E-o", kies ĝisnunaj tri 32-paĝaj numeroj enhavas prozon kaj poemojn de aŭtoroj




precipe japanaj kaj ĉinaj. Redaktoro MINE Yositaka (Kitahama-tyô, Kitawaki 29-16, Takasago-si 671-01, Japanio) akceptas abonojn (24 gld.) ĉe sia UEA-konto "mine-v".

***Rok-gazet'*: Tro aĉa?!**

Ekzistas rokgrupoj kaj rokmagazinoj en Esperanto — tiun fakton notas eĉ la prestiĝa Usona *Modern Language Journal* (78/1994, p. 117). Jen kiom gravas por nia publika bildo *Rok-gazet'*, la sola E-magazino pri roko, popo kaj ĉiaj muzikspecoj (Eurokka, FR-31450 Donneville, Francio)! Kaj tamen: "... ni tre bedaŭras la nesubtenon flanke de ĉiuj esp-asocioj kaj kluboj al kiuj ni senpage sendis *Rok-gazeton*, kaj kiuj eĉ ne dankis. Verŝajne *Rok-gazet'* estas tro aĉa por ili" — plendas redaktoro Floréal Martorell. Aboni tiun ĉi montrinde junecan revuon (35 gld. al UEA-konto "rokk-b" por 4 numeroj, kaj malpli por nepagipovuloj ĉe Eurokka) estas inda investo en varbadon inter junuloj. Bone progresas ĉe Eurokka la kompilado de jam antaŭmendebla kasedo/kompaktdisko kiu antologias la E-rokmuzikon: pli ol la planitaj 15 "bandoj" pretigis aŭ promesis titolojn por ĝi.

***Eventoj*: Aktivula profilo**

La dusemajna *Eventoj* el Hungario, kiu atingis sian 50-an numeron en marto, realigis enketon inter siaj 1022 abonantoj en 47 landoj. Laŭ la resenditaj 203 enketiloj, ĝia averaĝa leganto estas e-isto ekde 22 jaroj, regule vizitas E-aranĝojn (90%), estas membro de landa E-asocio (88%), eĉ estrarano de iagrada E-organizaĵo (57%), kaj abonas 3,45 aliajn E-gazetojn (plej ofte *Esperanto*). La redakcio tamen rimarkigas ke, kontraste, por multaj el la nerespondintaj 80% *Eventoj* estas la sola ligilo al la E-movado.

**Eldonisto serĉata**

D-ro Dinh vãn Vãn, dumviva membro de UEA, publikigis libron pri "maljunologio" en la vjetnama. Li serĉas helpon por eldoni ĝin en E-o kaj la angla: 80 Nguyen dhi Thanh, F2 Q10 Hô Chí Minh City. La Esperanta manuskripto nun troviĝas en la Biblioteko Hodler de UEA.

Martin Weichert (el *Rok-gazet'*)



# Loke



## Brazilo: Urba Esperanto-leĝo

La urbestro de Campos (ŝtato Rio-de-Ĵanejro), d-ro Sergio Mendes, sankciis leĝon, la 30-an de decembro 1993, laŭ kiu E-o estos instruata en la municipaj lernejoj de tiu urbo. En Barra-Mansa la duagrada lernejo Instituto Progreso enkondukis devige E-on. (*Komunikoj de SES*)

## Germanio: Esperanto ĉe mondkongreso

En la lastaj tagoj de marto Hamburgo gastigis la 18-an Mondan Kongreson de Lingvo-instruistoj. Kvankam prelegon de Till Dahlenburg pri E-o kaj pri ĝiaj ebloj en socioj kun pluraj fremdlingvoj ĉeestis nur dekduo da aŭskultantoj, estas grave ke ero pri E-o oficiale aperis en la programo de la kongreso, kies partoprenantoj ne povis pretervidi la informon pri la sinprezento de Germana E-Asocio. (W. Bormann)

La Hamburga E-Societo invitas festi ĝian 90-jariĝon per ekspozicio kaj vespermanĝo la 19-an de majo (Heinrich Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34, DE-20535 Hamburg).

## Hungario: Kalocsay-tabulo

Laŭ iniciato de delegito Gusztáv Lukács kaj de István Szörényi, memortabulo de Kalocsay estis inaŭgurita, la 27-an de februaro (lia mortotago), en strato kiu portas lian nomon en la urbo Miskolc. Festparolis Árpád Máthé, sekretario de la Amika Societo de Kalocsay.

## Irlando: Julia j festotagoj

La estraro de E-Asocio de Irlando decidis ke, ĉar ĝi ne povas aranĝi internacian kongreson en sia iom fora lando, ĝi almenaŭ faciligos la renkonton de e-istoj kiuj vizitas ĝin kiel ordinaraj vojaĝantoj. Ekde 1994 EAI faros porokazajn aranĝojn por ili dum la unua duono de julio. Telefakso: +353/1/493-66-55.

## Koreio: Ŭonbulisma kurso

Ŭonbulismo (Wonbulgyo) estas religio evoluinta el budhismo, fondita en Koreio en 1916. La Ŭonbulisma E-ista Societo organizis en Iri (Koreio) de la 5-a ĝis la 11-a de januaro trinivelan intensan E-kurson por 37 lernantoj, kiun gvidis Choe Tae-sok el Koreio, Renata Macyszyn el Pollando kaj Doi Ĉieko el Japanio. Oni uzis la novan internacian lernolibron *Hanako lernas Esperanton* de Doi (19,50 gld. ĉe UEA), kies 12-a ĉapitro pripensigis la kursanojn pri diferencoj inter koreoj kaj japanoj. (*La Espero el Koreio, Novaĵoj Tamtamas*)

## Kroatio: Zagrebo 900-jara

En 1994 Zagrebo festas la 900-an datrevenon de la unua skriba mencio de sia nomo. Internacia Kultura Servo (pp 499, HR-41000 Zagreb) petas ke oni sendu gratulkartojn kaj -leterojn, kiujn ĝi prezentos en la loka gazetaro kaj eble en ekspozicio.

Spomenka Štimec iniciatis kaj gvidis en februaro programon ĉe la juda komunumo de Zagrebo, kun ĉeesto de ĉ. 70 e-istoj, por prepare bonvenigi la Jaron de Toleremo (1995). Trixini, la e-ista "magiisto kun la blua ŝtono" el Germanio, prezentis samurbe spektaklojn por helpi artistojn rifuĝintajn el Bosnio kaj handikapitajn infanojn. Tiucele li ankaŭ kolektas mondonacojn (Trixini, Talleweg 55, DE-33104 Paderborn).

Kroatia E-Junulara Asocio, fondita en 1992, aranĝis sian unuan internacian renkontiĝon inter la 3-a kaj 6-a de marto: trideko da gejunuloj el kvin landoj diskutis pri "Novkonservativismo kaj ĉiuj ĝiaj sekvoj". (*Letero el Zagrebo*)

## Malto: Socia Esperanto-evento

Dum la Internacia Semajno de Amikeco, la 25-an de februaro, Malta E-Societo okazigis vaste anoncitan kulturan vesperon en preskaŭ plena ĉefurba teatro, kun la prezido de lingvisto prof. Albert Borg. Oni disdonis premiojn al studentoj de duagradaj lernejoj, kiuj konkurse eseis pri la temo "Ĉu la lingvoj estas iloj al internacia amikeco?", kaj lanĉis la maltlingvan libron *It-tabib Zamenhof* ("Vivo de Zamenhof") de Carmel Mallia.

## Slovakio: Diplomatoj pri lingvoproblemo

La slovaka misio ĉe UN en Vieno invitis la 13-an de januaro slovakajn diplomatojn interesiĝantajn pri problemoj de internacia komunikado al neformala renkontiĝo, kie i.a. d-ro Stanislav Košecký (UEA-komitatano) informis pri E-o. La diskutantoj emfazis la ekziston de lingva diskriminacio en internaciaj organizaĵoj kaj de neegalrajta interpersona komunikado ĝenerale. La partoprenintoj volas okazigi sekvapaŝe internacian renkontiĝon simileteman. Jozef Reinvart en *E-isto Slovaka* prave rimarkigas: "Similaj diskutforumoj en diversaj internaciaj rondoj povus krei bonan bazon por malgrandaj ŝtatoj veni al internaciaj organizaĵoj kun oficiala iniciato ... [por] eliri el la nuna lingva diskriminacio ... helpe de ... Esperanto."




## Sud-Afriko: Mecenato invitas

La "Aĉetcentro Esperanto" en la ĉefstrato de Benoni apartenas al Anastasia Chassoulas, altaĝa komercisto preta subteni la sud-afrikan movadon. Li ne nur intencas testamenti al ĝi grandan sumon, sed ankaŭ volonte donus monon kaj loĝlokon al bona E-instruisto, kiun la landa E-Asocio nun serĉas. Interesiĝantoj anoncu sin ĉe la sekretario: Oscar Sher, 75 Bronkhorst Street, Groenkloof, Pretoria – 0181.




**Aŭtomobilismo: IEKA ŝanĝas rapidumon**

"Pro la nova komitata decido ke kunlaborantaj asocioj de UEA devas pagi por kunvenejo, Internacia E-Klubo Aŭtomobilista ne plu kunvenos dum la UEA-kongresoj. Anstataŭ tute bankroti, ni koncentriĝos je vendo de glu-insignoj kaj sunŝirmiloj — je resp. 3 kaj 5 dolaroj aŭ egalvaloro, pageblaj al la UEA-konto 'ieka-v' aŭ rekte al mi" — sciigas la IEKA-prezidanto Gustav Kühlmann (Løvetandsvej 31, DK-2700 København Brønshøj, Danlando).

**Informado: Paska fasko**

La plej atentoveka "paska esperantaĵo" estis sendube la saluto de la papo (v. p. 87), sed ankaŭ pluraj potencaj informiloj montris intereson pri E-o ĉirkaŭ la paska semajnfino (2-3 apr.). La usona *The Wall Street Journal* (30-a de marto) iom moke, tamen sen malsimpatio raportis titolpaĝe: "Esperanto-fervoruloj diras *ne* al malamikoj de inventita lingvo". La brita *The Independent on Sunday* (3-a de apr.) en sia rubriko "Dezajno-dinosaŭroj" (?) kvalifikis E-on "triumfa modelo de lingva inĝenierarto", sed konkludis: "la angla havas kion Esperanto neniam havis: kialon lerni ĝin." Ĉe la internacia franclingva radiostacio France-Inter, la 5-an de aprilo, Pierre Janton kaj Marc Louste babilis pri E-o kun simpatiantaj prezentistinoj en tuthora programo. Cetere, la 15-an de marto Janton prelegis ĉe universitata instituto en Bourges pri "Kiel protekti la eŭropajn lingvojn kontraŭ la hegemonio de unu el ili".

**Komputiloj: ELENA el Moskvo**

Rusia E-ista Unio lanĉis la 4-an de januaro Elektronikan E-istan Novaĵagentejon (ELENA), por kiu Andrej Ananjin kompilas E-novaĵojn, E-beletraĵojn kaj soci-politikajn informojn el *Moskva Gazeto* kaj *Movado* (la nova nomo de la asocia organo *REU informas*). ELENA aperas ĉiumonate ĉe la plej granda elektronika reto, Internet. Retadreso: pin@demos.su "ELENA". (*Eventoj*)

**Pedagogio: Koresponda kurso**

Instruantoj de E-o en mondopartoj por kies lingvoj ne ekzistas instrumaterialo, legos kun utilo la diplomlaboraĵon (por la internacia E-fako en Budapeŝto) de mag. Helga Farukuoye, kiu metodike analizas korespondan E-kurson por niĝerianoj. Mendu kopion ĉe UEA.

La E-komisiono de la instituto por Freinet-metoda edukado (ICEM, FR-44330 Le Pallet, Francio) ne okazigos E-renkonton en 1994, ĉar mankas organizantoj. ICEM atendas sinancon de volontuloj por la venontaj jaroj.

**Politiko: E-o en parti-programoj**

En Nederlando la Pacifisma-Socialisma Partio, kiu partoprenas la parlamentajn elektojn en majo, akceptis en ĝenerala membrokunveno la sekvan eron por sia elektoprogramo: "E-o devus esti akceptita kiel dua lingvo en la ĝenerala instruprogramo ekde la 7-jara aĝo." Ankaŭ la Nova Partio, en kiu UEA-membro Joke Hoobroeckx-Dooren kandidatas por deputiteco, propagandas la ideon de neŭtrala mondlingvo.

En Belgio la Feminisma Humanisma Partio estas "por la alpreno de E-o kiel dua lingvo en ĉiuj landoj de la mondo" (PFH, Av. des Phalènes 35, bte 14, BE-1050 Ixelles).

En Francio Bruno Boissière kaj Solange Fernex, verdulaj eŭrodeputitoj, apogas Esperanton, kaj ĉe la partio Les Verts ("La Verduloj"; 107 av. Parmentier, FR-75011 Paris) haveblas 10-paĝa ekologia dokumento grandparte en E-o.

**Sano: For fumon**

Georgo Rada (Rybalkova 1029, blok 645, CZ-43401 Most, Ĉeĥio) proponas fondi E-asocion de nefumantoj por batali kontraŭ fumado kaj protekti la rajtojn de nefumantoj. Li petas organizemulojn kontakti lin.

**Tradukado: Senlabor-poemoj**

En junio 1992 ni anoncis ke Pentti Törmälä (Finnlando) kolektas poemojn pri senlaboreco. La kolekto jam aperis ĉe la eldonejo Mendoservo: *Irtisanottujen istunto* ("Kunsido de maldungitoj") enhavas ankaŭ tri poemojn tradukitajn el E-o. (*Esperantolehti*)

**Vidbendoj: Kajto-klipo**

La loka televidstacio Öernes-TV en Lolland-Falster (Danio) produktis 5-minutan, E-lingvan videomuzikaĵon kun Kajto, laŭ ties kanto "Procesio multkolora". La videopeco premiere elsendiĝis la 3-an kaj 4-an de marto ĉe Öernes-TV. (*Eventoj*)



**Instruado: Eŭropo en praktiko**

Jen la trilingva "eŭropa klaso" de la sveda Karlskoga Popola Altlernejo, kiu lernis E-on por studi pri Eŭropo (vd. feb., p. 32). Du junulinoj el la grupo vizitis aprile la Paskan E-Renkontiĝon de la Nederlanda E-Junularo, kaj la grupo pasigos la unuan semajnon de majo en Prago. (L. Forsman)

Por siaj E-kursoj la altlernejo ĵus eldonis du kurshelpilojn de Lars Forsman, por komencantoj resp. progresantoj. (J. Strönne)

# Persone

### Pietiläinen: Malvarma akcepto

Dum la tradiciaj Vintraj Tagoj en la frosta urbo Järvenpää (ĉ. -20 gradoj) la jarkunveno de E-Asocio de Finnlando elektis prezidanto la ĝisnunan sekretarion, Jukka Pietiläinen. La 27-jara ĵurnalisto transprenis la prezidant-martelon de Synnöve Mynttinen. (*Esperantolehti*)

### Schwartz: Florkrona omaĝo

Reprezentante la tutmondan e-istaron, la geedzoj Haupenthal metis florkronon de la eldonejo Iltis sur la tombon de Raymond Schwartz (apr., p. 70), je ties centa naskiĝdat-reveno, la 8-an de aprilo, en la lorena vilaĝo Mocheux. Iltis preparas numeron de la revuo *Iltis-Forumo* pri Schwartz.

### Taremi: Anĝelina Esperanto

Anĝelina Taremi (P.O. Box 9342, Scottsdale AZ 85252-9342, Usono; ĉi-dekstre), fakdelegito pri artinstruado, ŝatus starigi E-domon en Arizono. En februaro ŝi disdonis informilojn pri arto kaj E-o en ekspozicio, kie ŝi kaj aliaj artistoj prezentis siajn verkojn. (A. Magyar)

### Tarschys: De knabaĝa Esperanto al eŭropa politiko

La Konsilio de Eŭropo, organizaĵo de 32 eŭropaj landoj kun centro en Strasburgo, elektis la 12-an de aprilo la 51-jaran svedon Daniel Tarschys sia nova ĝenerala sekretario por kvin jaroj. Tarschys, kiu parolas ses lingvojn, estas konata al e-istoj: kiel parlamentano, li salutis Esperante la svedan jubilean kongreson en 1987. Lian ioman E-scipovon klarigas ke li aŭtodidakte lernis ĝin infanaĝe kiel unuan fremdlingvon, korespondis tutmonde, membris en Sveda E-Federacio, kaj ĉeestis la 41-an UK (Kopenhago, 1956). (R. Lindblom)



# Anoncetoj

**Tutmonde deziras korespondi:** Centre Espéranto, Courtils 10A, FR-25000 Besançon.

**D-ro Juan M. Ramírez Figueroa** (E. Palma 324, Casa Blanca, CP-19110 La Habana, Kubo) ŝatus korespondi tutmonde.

**Enmigrada advokato malmultkoste helpos vin** se vi helpos la Usonan movadon. John Dale, 5613 Leesburg Pike, #17, Falls Church, Virginia, USA 22041; tel. +1/703/845-1919; fakso +1/703/845-1554.

**Gafur Gazizi** petas pardonon de ĉiu al kiu li ne respondas.

**Por kolektantoj:** mi posedas kaj vendas interesan kolekton de belege presitaj kuponoj de la hispana nacia loterio. Se interesas vin, skribu al: Elizabeta Renovell Sanz, Apd. 43, ES-46930 Quart de Poblet, Valencia, Hispanio.

**Vizitu Maastricht!** Tranoktado + matenmanĝo 35 guldenojn p.p. Esperanta Domo, Lenculenstraat 18a, NL-6211 KR Maastricht. Faks./tel. +31/43/213-247.

# Oficiala informilo

PATRONOJ DE TEJO 1994
Belgio: Alexandre Humet. Finnlando: Päivi Saarinen. Francio: Philippe Chappe; Serge Granier. Germanio: Nora Caragea. Hispanio: R. Urueña de Hernández. Japanio: Ikuko Yazima-Kitagawa; Utako Kobayasi. Kanado: Stevens T. Norvell Jr.

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Finnlando: Harri Tuomola. Francio: Alexandre Maczkowski; Clara Troper. Hispanio: R. Urueña de Hernández. Kanado: Stevens T. Norvell Jr. Meksiko: Julie L. Regal. Nederlando: B.A.E.M. Meulendijks. Svedio: Inga Nothfalk; Karl G. Lennart Lagerkrantz.

**DONACOJ 1994 (gld.)**
**ĝis la 31-a de marto**

**Fondaĵo Afriko:** Kanado: J. Jarmasz 11,28; J. Warren 46,53. Subvencio Institucio Hodler 1000,00. Sumo ĉi-jara 1865,66.
**Fondaĵo Ameriko:** Subvencio Institucio Hodler 500,00. Sumo ĉi-jara 600,00.
**Bjalistoka E-Centro:** Kanado: U.P. Ronald 35,25. Sumo ĉi-jara 35,25.
**Fondaĵo Ĉinio:** Nederlando: N. Moerbeek-Bartels 100,00; R. Moerbeek 100,00. Sumo ĉi-jara 300,00.
**Fondaĵo Canuto:** Japanio (por aziaj e-istoj): M. Aihara 53,88; K. Hayasi 36,58; T. Kawai 35,92; S. Miyamoto 71,84; K. Nakahira 182,93; S. Okutu 91,46; K. Sasanuma 73,17; Y. Sawaya 35,92; N. Takahasi 71,84. Kanado: R. Brisebois 14,10; P. Collinge 35,25. S.T. Norvell Jr. 24,93. Usono: J. Lesh 27,40. Anonime 82,28. Subvencio Institucio Hodler 2000,00. Diversaj malgrandaj 7,05. Sumo ĉi-jara 5052,86.
**Ĝenerala Kaso:** Germanio: L. Daum 65,00; E. Macko 16,35; U.W. Rick 65,00. Kanado: A. More 18,33; J. Schipper 46,53; L.T. Smith 46,53. Nederlando: G. Berveling 100,00; R. Moerbeek 100,00. Svislando: M.H. Béguin 10,56; D. Bühlmann 39,60; T. Carlevaro 15,84; F. Liechti 11,88; H. Macher 23,76; W. Schaufelberger 36,96. Diversaj malgrandaj 6,29. Sumo ĉi-jara 3265,43.
**Biblioteka fondaĵo:** Kanado: B. Crisp 45,70. Sumo ĉi-jara 45,70.
**Konto Espero:** Britio: A. Montesinos de Gomis 57,00. Hispanio: Grupo Fido kaj Espero, Valladolid 329,52. Norvegio: K. Gustavsen 259,50. Sumo ĉi-jara 1235,25.
**TEJO:** Brazilo: P.G. Velese 16,00. Sumo ĉi-jara 16,00.

**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA

# Nekrologoj

**Boris ATANASOV** (1927-1993), fakdelegito pri juro en Bankja (Bulgario) kaj prezidanto de la loka societo, forpasis en decembro.

**Etienne BOUQUIN** (1913-1994), blinda aktivulo en Nord-Francio, prezidinto (1960-70) de la klubo en Lille, mortis la 4-an de januaro.

**Russell W. HAMILTON** (1903-1994), dum jardekoj fakdelegito pri edukado kaj SOS-aŭtoservo en Exmouth (Britio), mortis en januaro.

**Jakob HOHL** (1911-1994), dumviva membro, forpasis la 16-an de februaro en Flims (Svislando).



*Eizô ITÔ*

**Eizô ITÔ** (1903-1994) mortis la 28-an de februaro en Kameoka (Japanio). En 1923 li eklernis Esperanton kaj aniĝis al Oomoto, en kies centra oficejo li eklaboris en 1925. Antaŭ la milito li gvidis plurajn E-kursojn, redaktis la Oomoto-revuon *Verda Mondo* kaj dum misia vojaĝo en 1932 kontaktis multajn e-istojn en Orienta Azio. Li funkciis de 1932 kiel sekretario, ekde 1948 kiel prezidanto, de Homama E-Asocio, kaj post 1967 prezidis ankaŭ ties posteulon, E-Propagandan Asocion de Oomoto. Li estris la Internacian E-Fakon de Oomoto ekde 1963. En 1959 li vojaĝis kiel Oomoto-delegito al la Varsovia UK, kaj faris poste 180 prelegojn en 150 eŭropaj kaj usonaj urboj. Itô kunverkis *Kvindek jaroj de E-o en Oomoto* (1968), tradukis *Esplorado de vivĝojo* de H. Deguĉi (1986) kaj japanigis *Novelaro de majstro Korczak* (1993). Li estis multjardeka membro kaj delegito de UEA.

**Luise KARLSSON** (1910-1994) forpasis komence de januaro. Naskita en Berlino, post 1932 ŝi instruis E-on en Svedio, kie ŝi edziniĝis al e-isto en Nynäshamn.

**Bill KEABLE** (1903-1994), aktivulo de la antaŭmilitaj Brita Laborista E-Asocio kaj Internacio de Proleta E-istaro, mortis fine de februaro.

**Luis MARTINEZ UNGRIA** (1911-1993), la delegito en la argentina ĉefurbo Bonaero, mortis la 26-an de novembro 1993. Kiel framasono kaj sekretario de la Argentina Federacio de Konsumkooperativoj, li scipovis intime ligi tiujn du interesojn al sia E-agado: li estis fakdelegito pri ili, agadis en Internacia Kooperativa E-Organizo kaj estis redakto-komitatano de *Kooperativa Stelo*. Dum longaj jaroj li funkciigis propran korespondan E-kurson kaj eldonis hispanlingvan informbultenon.

**D. J. MUNRO** (1908-1994), fakdelegito pri instruado en Oamaru (Nov-Zelando), mortis antaŭ nelonge.

**Julia V. de ROCAFULL** (1899-1993), delegito apud Bonaero, forpasis la 24-an de decembro. Ŝi naskiĝis en Katalunio kaj kiel knabino vidis Zamenhof en la Barcelona UK (1909). Plurjardeka prizorganto de la landa libroservo, ofta kursestro, ŝi estis "avino de la movado", unu el la plej konataj kaj — ĝis la fino de sia vivo — plej aktivaj e-istoj en Argentino.

**Blanche VERMUYTEN-LACROIX** (1901-1994), vidvino de la verkisto kaj tradukisto Hector Vermuyten, fidela membro de la grupo en Antverpeno (Belgio), mortis en februaro.

**Theo J. van WOERDEN** (1922-1994) forpasis la 17-an de marto en Hago. Gvidanto dum la lastaj 20 jaroj de la Haga sekcio de Nederlanda E-Asocio, li iniciatis la oficialigon de E-Centro Nederlando en tiu urbo. Dank' al liaj klopodoj eldoniĝis la reviziita E-nederlanda-E vortaro de A.J. Middelkoop en 1986 kaj la konsultverko *Het Esperanto* de P. Janton en 1987.

Via kunvivo dum la malsano de **THEO van WOERDEN** estis kortuŝa. Vian komprenon kaj simpation post la morto de mia edzo mi neniam forgesos. Dankon. Truus van Woerden, Landréstr. 1019, NL-2551 BP Den Haag, Nederlando.

## YE Laishi (Ĵelezo) (1911-1994)

La 2-an de februaro en Pekino mortis Ye Laishi (Ĵelezo). Li lernis Esperanton en 1927, kiel studento de la angla literaturo en Tokio, de kie li estis forpelita pro partopreno en studentaj manifestacioj. Li aliĝis al la Ĉina Proleta E-ista Unio en 1932 kaj agis kiel ties estrarano. En 1933 li iniciatis la fondon de Ŝanhaja E-ista Ligo, kiu baldaŭ fariĝis la gvida centro de la ĉina E-movado. Ĵelezo redaktis dum pluraj jaroj la gravajn gazetojn *La mondo* (1932-36), *Ĉinio hurlas* kaj *Heroldo de Ĉinio* (1939-44), kaj kunfondis Korespondan E-Lernejon en Chongqing en 1940. Kiam la japana armeo okupis Ŝanhajon kaj ne plu eblis tie aktivi por Esperanto, Ĵelezo translokis la agadon al aliaj ĉinaj urboj. Plurajn jardekojn poste, Ĵelezo grave rolis en la savo de la ĉina E-movado ankaŭ dum la t.n. kultura revolucio en la 70-aj jaroj.

Ĵelezo estis vicprezidanto de Ĉina E-Ligo ekde ties fondiĝo (1951), aganta prezidanto inter 1986 kaj 1989, kaj ĝia honora prezidanto. Li estris la LKK-on de la 71-a Universala Kongreso en Pekino (1986) kaj estis unu el la iniciatintoj de la influhava societo "Amikoj de Esperanto". Li aŭtoris amason da artikoloj kaj multajn lernilojn pri E-o, kaj faris gravajn kontribuojn al la plibonigoj en la revuo *El Popola Ĉinio* kaj E-elsendoj de Ĉina Radio Internacia.

Post 1949 Ĵelezo rolis kiel vicdirektoro de la Lingva Instituto de la Ĉina Akademio de Sciencoj, vicministro de la Ŝtata Komisiono pri Reformado de la Ĉina Skriba Lingvo kaj konsilisto de la Ŝtata Komisiono de Lingvo. Ekde 1986 li estis Honora Membro de UEA. (Vd. ankaŭ la artikolon "Memoroj pri Ĵelezo", p. 88).

Fine pretigita, kaj principe konsultebla en universitataj bibliotekoj de Francio, plus kelkaj aliaj inkluzive de Biblioteko Hodler ĉe UEA, estas la disertacio **"Esperanto et jeu de mots dans l'œuvre de Raymond Schwartz (1894-1973)"**, mikroslipigita sub n° 0340.15974/94; Lille-thèses ISSN: 0294-1767. Por pliaj informoj: M. T. Juchault-Lloancy, 3 bis avenue des Ecureuils, FR-64140 Lons; tel. +33/59-32-10-75.